# LITERATURA MONDO



TRIA JARO, KVINA-SESA NUMERO BUDAPEST MAJO-JUNIO 1924

RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARTZ. REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 č. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Salzburg, Richard Grössinger, 17/II. Elizabeth str.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaševsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 11 Kleine Hondstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenčka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitskaulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Nederlando:* I. van Hengel. Eemnes Administratie Wereldtaal.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti. Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

## AL LA LEGANTOJ

Ni klopodis kiel eble regajni la tempoperdon, kiun kaŭzis en la apero de la gazeto la trisemajna laborĉeso en la budapeŝtaj presejoj. Sed ni renkontis grandajn malfacilaĵojn. La tempoperdo estis tro granda, la presejoj nun estas, kompreneble, superŝutitaj per laboro. Inter tiaj cirkonstancoj, ne volonte, sed ni devis decidi, ke ni eldonas duoblan numeron. La amplekso de la duobla numero estas pli granda, kvankam ne tute duobla. Por kompensi nian abonantaron, ni ne donos duoblan numeron dum la somero kaj klopodos doni pli ampleksan numeron en iu, eble en la kristnaska numero.

*LA REDAKTA KOMITATO*

# LA NEKONATA LANDO

RICHARD ROHT

La suno jam proksimiĝis al tagmezo, kiam la pastro elpaŝis el la pastrobiena korto.

La tero kaj aero estis plenaj de lumo kaj varmego. Kvazaŭ ora barilo estus starigita, tiel faladis la sunradioj. Kvazaŭ kordoj de muzikilo, ili rigidiĝis en la aero, starante senmove kvazaŭ linioj, kvazaŭ densa kaskado, kiu pendis en la aero kaj tamen ne disfalis. La tutan mondon ili plenigis, la tuta mondo ŝajnis mortinta, rigidiĝinta en senmova spirado de lumo kaj varmego.

En tiu ĉi paca sobreco de la naturo odoris la floroj; de la floranta trifolia kampo alportiĝis ebriiga, forta, sed dolĉa odoro, kiu ŝajnis himno, kontenteco kaj beno de l' somero.

Flugis abeloj de kampoj al kampoj, malaperante en la blua aero kiel nigraj punktoj misteraj. Silentis la naturo, revante, atendante, kion alportos la tago, kiam alvenos tagmezo posttagmezo kaj ree vespero kaj nokto, fabela somernokto.

Laŭ la flava landvojo, laŭ la aleoj de maljunaj betuloj, iris al la preĝejo la pastro en profunda pensado.

Ĉu li pensis, aŭ ĉu nur ŝajnis tiel?

Antaŭ sin li rigardis, sed li ne rimarkis la delikatan teksaĵon, kiun sur la helbruna sablo de l' vojo teksis la medite kliniĝintaj branĉoj de la betuloj maljuniĝintaj en ventegoj kaj malĝojoj.

Kun ŝarĝo renkonte venanta vilaĝano salutis lin, levante la ĉapon, sed la pastro ne rimarkis lin. Zumante puŝiĝis skarabo al lia ĉapo, ekbruetis ŝtoneto sub la plando; odoris etuzoj en malseketa kanalo; de sub la piedoj de l' paŝanto leviĝis subtila, flava polvo, — sed li nenion rimarkis.

Kaj tamen li ne havis pensojn; kiam li alvenis al la lap-arbusto, kiu pulpe kreskis, duone en la sablo de l' vojo kaj duone en la argila tero de l' fosaĵo, li haltis, kliniĝis tuŝante la severan floron de l' vojaĝantoj, la idon de severaj landvojoj, per la blankaj, netuŝitaj de malfacila laboro, fingroj.

Eble li tamen pensadis, sed la pensoj iris laŭ vojo eĉ al li mem nekonata. Tio, kion oni ordinare nomas pensado, — ĝi ne estis. Li ne rimarkis, ke li pensas, li ne sciis, ke li pensas kaj li ne estis mastro de siaj pensoj.

En la rigidiĝo kaj varmego de la somera tago, kiam la naturo ĝuis la ekzistadon en odorado de trifoliaj kaj sekalaj kampoj, en senfina kantado de alaŭdo, kiam la maljunaj, de mizero premitaj betuloj estis en paca dormado, kliniĝante super la vojo, kaj la suno kisis iliajn tremetantajn foliojn, tiam la pastron kondukis nekonataj, neklarigeblaj pensoj.

Kial li eliris de la hejmo kaj kien li iras?

Li ne demandis tion al si, kaj li ja ne estus povinta respondi al ĉi tio.

Tio daŭris jam tagojn:

Malsupre en la ĉambroj de l' pastrodomo regis senlima silento. Post malfrua matenmanĝo la edzino de l' pastro, kondukite de iaj higeniaj tradicioj, havis la kutimon, endormigi ree la infanojn, kiuj jam frumatene vekiĝis, kaj tiam mem ankaŭ endormiĝi.

Tiam la pastro paŝadis el unu ĉambro en la alian, sur la piedfingroj, silente, kvazaŭ spiono en sekreta kaj silenta spionado. La geservistoj eble ankaŭ dormis, eble okupis sin en la ĝardeno por kolekti ion por la tagmanĝo, kaj en la tuta granda domo l' pastrobieno estis taga nokto, kun mallevitaj kurtenoj, malantaŭ kiuj la suno dormige fomentis, ion rakontante en la silento.

Tiel paŝadis la pastro, kvazaŭ tagmeza spirito, en la malnova domo dormanta sub la varmega, blanka suno, de tempo al tempo aŭskultante la spiradon kaj dorman deliron de l' edzino kaj de la infanoj.

Malantaŭ la malklare-blankaj kurtenoj ĉirpadis birdoj en la ĝardeno, kolombumis kolomboj sur la tegmento de la domo, kaj susuris tilioj, plenaj de abeloj, kiujn allogis la flavetkoloraj, ebriige odorantaj floroj de la strangaj arboj de l' nordlando.

Iradante tien kaj reen en la dormetantaj misteraj kaj silentaj ĉambroj, la pastro sentis sin bone.

Dormu la infanoj, dormu la edzino. Ne revenu el la ĝardeno la geservistoj tiel frue.

Ia alia, neordinara penso-labortageco ĉirkaŭis la pastron. Li haltis antaŭ la fortepiano, premante per la fingro la klavon, kiu eligis la plej altan krieman sonon, per la piedo li premis la pedalon kaj ekaŭskultis. La sono mortis, kvazaŭ kulo estus ie malleviĝanta en longa, plorema kanto.

Tiam la pastro aŭskultis, ĉu vekiĝis iu je tiu bruo. Ne. Ĉio estis silenta. Kolombumis la kolomboj en la ĝardeno. La pastro ridetis al si mem, sidiĝante antaŭ la fortepiano.

Li imagis al si, pri kio la infanoj povas nun sonĝi. Kaj ree li ridetis. Nepre pri urso. Pri kio alia ili povus sonĝi. Eble pri kristnaska maljunulo. Kaj kiel ia stranga variaĵo aperis antaŭ la okuloj de la pastro la sekvanta bildo:

Laŭ vintra vojo li veturas. Sonoretas sonoriletoj. Estas neĝo, multe da neĝo. Jen, kiel abunde estas ŝarĝitaj la apudvojaj bariloj kaj kolonoj. Belege estas veturi. Laŭ trankvila ritmo kantadas la sonoriletoj. Agrable varmigas la pelto. Nu! Nu!

La pastro ridetas. Malrapide iras liaj fingroj laŭ la klavoj.

Subite antaŭ la veturanto leviĝas montodeklivo.

Ho, tion li ne ŝatas. Dum vintro estas bele veturi nur en arbaro kaj ebenaĵo. La pastro provas kontraŭstari al tiu ĉi imago, li provas plu veturi tra ebenaĵoj, sed vane. Maltrankvile li vidas sin veturanta al-monte. Li ĉirkaŭrigardas — nenio eksterordinara. Tamen... Malsupren de la monto iras kruta, glita vojo. Malgraŭ la direktiloj la ĉevalo ne haltas, ĝi plirapidigas kaj plirapidigas la kuron, birde flugante antaŭen; neĝeroj ĵetiĝas al la vizaĝo de la pastro, la pelto malbutonumiĝas, malvarma vento muĝas renkonte, kaj... ho kia danĝera afero: malsupre en la valo, dum mezvintra tempo, fluas kruce tra la vojo, malkovrita, neglaciiĝinta rivero, kaj vanaj, tute vanaj estas liaj penoj por haltigi la ĉevalon!...

Maltrankvile ekstaras la pastro kaj ekaŭskultas. En la dormoĉambro ĝemas knabeto Harry, ĝemas dormante, demandante ion per strange fremda, gorĝofunda voĉo.

La silentan, trankvile agrablan humoron la pastro jam perdis. Ree li trairas la ĉambrojn, sed bonhumoron li ne plu havas. Sola sentas sin la pastro en la malplenaj, silentantaj ĉambroj. Sed tamen li ne volas, ke iu ajn alvenu kaj ĝenu. Pli bone, estu jam tiel.

Li iras en la skriboĉambron, prenas de la muro super la sofo la violonon kaj tuŝas per la arĉo nur unu fojon la ekstreman kordon.

La violono eksonoras kvazaŭ fonto, kiu en profunda, ombroriĉa arbaro lirlas el roko, sur kies malseketan supraĵon nenia sunradio albrilas. Kiaj foliriĉaj filikoj kreskas en la malseketa, mallumeta kaverna arkaĵejo sub la rokorandaro. Ho! dispremiĝis la arbustoj, kaj de tie ekaperis gazelino. Grandajn, longajn okulojn ĝi havas, delikatajn, enigmajn, kaj la rivereton ĝi rigardas kvazaŭ nevidante. Strangaj estas la okuloj. Pri tute nekonataj aferoj ili rakontas. Kvazaŭ okuloj de frenezulo, sed tamen en ili estas menso, ia arbara menso, kiun neniel oni povas klarigi. Kia gazelo ĝi estas? Kia arbaro, kia fonto? Ĉio estas nekonata, stranga, netera, nenatura...

La manoj de la pastro malleviĝas duflanken, en unu mano li tenas la violonon, en la alia la arĉon kaj, kvankam en la bildo de la violona sonorado estas nenio terura, tamen la ludinto maltrankviliĝas, antaŭsentante ion malbonan — je tagmeza horo — kaj tio estas neordinara.

La silento de l' ĉambroj fariĝas peza kaj stranga. Ili ĉiuj kvazaŭ unuiĝas, la tuta sumo de la ĉambroj, farante ion inter si. La spirado de la edzino kaj de la infanoj estas fremda, kaj oni volus demandi: kiuj estas tiuj tie, tiuj dormantoj? Kial ili ne vekiĝas?

Kaj subite la pastro eksentas deziron ien iri. Kien? Ne, tie ĉi ne estas al li tute enue, kvankam lia humoro plimalheliĝis, tamen en ĉi tio estas nenio eksterordinara.

Tamen, la viditaj bildoj kaj imagoj, kiujn la pastro ne povas klarigi, venkas. Ili ŝajnigas la ĉambrojn fremdaj, malplenaj, promesante ie alie ion, kio malfacile estas komprenebla, ĉu ĝi estas bona, aŭ malbona, bela, aŭ malbela.

Kaj iri oni devas. Ie oni devas ion serĉi, ion vidi kaj pensi pri io, tiel, ke la pensoj venu de si mem, kaj ke ili estu malfacile kapteblaj, por provi, kiaj ili efektive estas.

Enprofundiĝinte, cerbumante pri io, sed tamen preskaŭ senpense, la pastro surmetas la ĉapon.

Tiel li paŝas laŭ la flava landvojo al la preĝejo. Estas labortago.

II.

Li atingis la preĝejan monton kaj haltis antaŭ la tombeja pordego.

Kial vi kliniĝis super la lapoj apud la vojo? li ekkaptas sin en siaj pensoj. Kion signifas tio ĉi. Kion vi volis, kion vi sentis, kial kortuŝis vin la lapoj?

Kaj iu en li mem respondas per preĝokanto, en kiu estas la vortoj: „Se lapo kroĉiĝas al vesto..."

Stranga estas la rememoro pri tiu ĉi kanto. Pentriĝas tuta vico da bildoj. „Se lapo kroĉiĝas al vesto..." laj rakontoj el la Malnova Testamento... Pratempaj scenoj el hebrea kaj egipta amo, kiu estas „forta kiel morto".

„Se lapo kroĉiĝas al vesto..." Ree lin okupas imagoj.

Laŭ vojo, laŭ longa vojo iu migras. Kiel fomentas la suno, turmentas la soifo, la okuloj ŝvelas pro la brilado de l'blindiga lumo kaj pro sekega vento, blovanta el la dezertoj. Malfeliĉa homo! Ĉifonoj lin kovras, malsato estas lin malfortiginta. Li faletas kaj falas en la polvon meze de l' vojo, sekan polvon tuŝetas la lango. Li leviĝas, ŝanceliĝas antaŭen kaj ree falas — en herbon, fomentitan de la suno, kiu kuŝas brune, bakite apud la polva landvojo ardanta en morta varmego. Dum longa tempo kuŝas la homo. Tiam li ree stariĝas kaj iras; sur liaj ĉifonoj nun estas multe da lapoj, multe da mortsignoj, sigeloj, kiujn li portas antaŭen, tien, kie li neniam sin levos plu. „Se lapo kroĉiĝas al vesto..."

Sentante malforton, la pastro apogas sin al la pordega fosto.

Ĝi estas malsano! li murmuretas, konfuze, time rigardante antaŭ sin.

En ĉiu okazintaĵo, en ĉiu penso vidi, kontraŭ via volo trovi ion alian, ion, kio ne estas tio, kio vin ĉirkaŭas. En ĉiu vorto, en ĉiu movo, en ĉiu sono, en ĉio, kion vi vidas kaj aŭdas, vi subite trovas ion, kio estas io alia, ol tio, kio ĝi efektive estas.

Tie ploras via infano, tie ridas via edzino, tie rakontas longan rakonton pri siaj familiaj zorgoj kredema vilaĝano. Vi aŭdas kaj vidas ĉion, sed tamen tra tio ĉi vi vidas ankoraŭ ion, — aliajn bildojn, aliajn aĵojn, kaj tra la aliaj bildoj kaj aĵoj vi divenas ion, kio estas io alia, ol tio, kio vin ĉirkaŭas en la ĉiutaga vivo.

Strange, strange!

Kaj kvankam vi komprenas tion ĉi, kvankam vi konas tion ĉi, tamen vi ne povas kontraŭstari ĉi tion, ial vi subite fariĝas tia, kaj tia vi ja estas nun. Kaj vi ne povas vin devigi esti alia.

La pastro prenis tukon kaj forigis la ŝviton de sia pala frunto. Samtempe li ĉirkaŭrigardis kaj vidis malproksimajn pejzaĝojn, kiujn li tiel ofte rigardadis de la ĉi-tiea alta preĝeja monto. Estis videblaj arbaroj. En la arbaroj briletadis lagoj. Diverskoloris verdaj kampoj. Sed la ĉarmo de la vojoj estis la plej forta.

La pastro vidis kvin landvojojn, kiuj serpentumante malaperis en la malproksimo, en montetoj kaj arbaroj, preter bienoj kaj unuopaj arboj. Kiel rakontis la vojoj! Ankoraŭ neniam estis la pastro tiel kompreninta ilian parolon.

Rakontu, migranto, pri tiuj steloj, kiuj brilis al vi sur senfinaj vojoj!

Rakontu pri tiuj noktoj, kiu staris vizaĝon kontraŭ vizaĝo al la eterneco, kaj kiam malfermiĝis al vi la sekretoj de l' vivo kaj vi ekvidis la sencon de l' tuta ekzistado!

Kiam la vivo kvazaŭ malbeno malleviĝas sur vin, kiam la zorgo de la ĉiutageco minacis sufoki vin, tiam vi forĵetis de vi ĉiujn aferojn kaj homojn, vestis vin per ĉifonoj, prenis bastonon kaj iris sur landvojon.


Christian Krohg: La ŝipgvidisto.

La libereco de l' ekzistado salutis vin! Vin akceptis regno, kie ne estas leĝoj por la animo, kie vi mem kreis vian teron kaj mondon.

Tie, en mallumo estas videblaj la fenestroj de kastelo. Brilas la fajretoj varme, promesante. Sed vi preteriras, sola kaj libera, ĝis kiam vi elvenos la arbaron, kie vi volas aŭskulti, kiel falas de la aŭtunaj arboj la folioj, kvazaŭ tempgutoj en la eternecon.

Estu salutataj, vojoj — riveroj, kiuj superakvegas ĉiujn suferojn, kiuj estingas ĉiujn dolorojn, kiuj konsolas ĉiujn malĝojojn kaj finas ĉiujn mizerojn!

Kiam la homo nenion plu posedas, tiam li iras sur la landvojon — kaj li ricevos ĉion! Kiam la homo volas perdi ĉion, tiam li iras sur la landvojon — kaj li perdos ĉion!

Mi vidas vin, irantan, soleca migranto. Kiel multon vi jam enterigis en vi mem, kiel multajn ligilojn vi jam disŝiris, kiel multaj ventegoj jam bruegis en la dolorarboj de via animo! Sed la eterna poezio de landvojoj trinkigas kaj refreŝigas vin!

Landvojoj — paradizoj, landvojoj — tomboj, landvojoj — eternaj patrujoj, estu salutataj, estu salutataj!...

En profunda kortuŝeco, faletante kvazaŭ malsanulo, la pastro repaŝis al la pastrodomo. Kiam li alvenis en la ĝardenon, al li krietante kuris renkonte du knabetoj, li kisis iliajn harojn, sed lia mieno restis fremda al tiu ĉi afero, kaj la rigardo de la okuloj vagis ie en nekonata malproksimo.

III.

Ili duope sidis sur la verando, la pastro kaj lia edzino. Vesperiĝis. La akreco de la suno estis malfortiĝinta, la sagoj de ĝia varmego estis degelintaj en molan, karesantan varmon, kiu flave orumis la arbojn de l' ĝardeno, la florojn kaj herbojn. La naturo dormis en dolĉa revado pri la nokto.

— Lastatempe vi estas tiel stranga! — diris la edzino al la edzo. — Mi volis jam antaŭe paroli al vi pri tio ĉi, sed neniam mi havis tempon. Vi vivas ne sufiĉe higiene. Iurilate via vizaĝo estas ŝanĝiĝinta. Vi estas nervoza. Kaj tiel strange vi kelkfoje rigardas. Kelkfoje vi ektimetas, kvazaŭ iu estus vin ĝeninta en io. De kio tio ĉi devenas?

La pastro tiris longan, ion kaŝantan fumgluton el la pipo kaj respondis:

— Se mi mem tion scius!

La edzino en sia sincera vivsperto ne komprenis la iom tremetantan voĉon de sia edzo kaj daŭrigis en kategoria zorgemo:

— Dormu pli multe, manĝu pli multe! Vi manĝas multe, sed, ŝajne, vi digestas malbone. Tio ĉi estas malbona. Kaj distraĵon vi devas havi. Vi estas tro pensema. Kial vi pensadas vane tiel multe? Vi ja povus iam ripeti la pasintjaran predikon. Ne valoras difekti la sanon pro la ofico. Ĉu vi volas, ke mi ludu al vi iomete?

La pastro rigardis la edzinon kaj vidis ŝin tia, kia ŝi estis: malgranda, nigrahara kaj energia, kun graciaj, evoluiĝintaj korpomembroj, sed kun patrineco kaj mastrumeco en la delikataj vizaĝtrajtoj.

Forpreni de ŝia vizaĝo la zorgeman mienon — pensis la pastro, fumante la pipon kaj fermetante la okulojn — kaj anstataŭ ĝi meti kuraĝan

ŝenpripenson, doni al ŝi rajdvestojn kaj vipon, kaj tiam lasi ŝin paŝi tra granda, alta, malhela ĉambro, kun malgrandaj fenestrovitroj kaj malnova meblaro. Alta, malgrasa leporhundo, kun maldika kapo, sekvas ŝin, ĉiupaŝe turniĝante laŭ la direktoj de ŝiaj movoj. Ekstere sur la ŝtona korto de l' kastelo, la servistoj selumas ĉevalojn. De malproksime, laŭ malrektaj vojoj, proksimiĝas multkolore ornamitaj gastoj-kavaliroj, — la lancojn, al kiuj ligite flirtas blankaj flagetoj, ili tenas malzorgeme. Bruege oni malfermas la pordegojn de la kastelo . . .

— Pri kiu vi pensas ree?

La pastro ektremetas kaj, por diri ion, demandas;

— — Vi, ŝajnas, foje diris ke en vi estas iom da sango itala.

La edzino indigne levis sian kapon:

— Ne, la sango de nia familia gento estas pura je ĉiu mikso. Niaj gepatroj jam en la dekkvina jarcento venis el Germanio kaj ĝis nun nia familia trunko restis pura je fremdaj influoj.

— Ĉu via gento iam posedis fortikan kastelon, kun enbrazuroj en la turoj kaj akvofosaĵo ĉirkaŭ la monto?

— Sendube ĝi posedis. — La edzino maltrankviliĝas.

— Ĉu vi iam imagis ĝin al vi?

La edzino levetas la rondajn energiajn ŝultrojn.

— Kial? Hejme ni havis malnovajn bildojn, sur ili mi vidis ĝin. Imago... Strange vi parolas. Mi timas. Kial koncernas *vin* la kasteloj?...

La pastro scias, ke li estas kamparano, ĉiam li kuraĝe defendis sian genton antaŭ sia agema edzino, sed hodiaŭ li estas pensema kaj demandas lace:

— Vi promesis ludi?

Ili starriĝas kaj iras en la salonon.

La salono estas duonmalluma pro la siringoj kaj fagoj, kreskantaj antaŭ la fenestro, ĉar la suno jam estas subirinta.

La sinjorino eklumigas la lampon, metas ĝin sur la fortepianon kaj foliumas la notojn. La pastro sidiĝas sur la sofon, preparante sin por aŭskulti. Malĝojan ombron ĵetas sur lian vizaĝon la lampŝirmilo. La muroj estas kovritaj per rompeblaj, milde malheletaj rememoroj.

— Unue Chopin, — diras la edzino.

La pastro ne movas sin.

Sonas la preludo. La pastro kliniĝas antaŭ sin.

Reĝo paŝis sur la terason.

Malĝoja li estas, pensema.

La fortepiano paŝas serĉante, perdante la vojon, la sonoj tremetas pro interna dubemo, sopirante pri io nekonata.

En malproksimo fluas granda rivero el dezerta ebenaĵo en malalte kuŝantan valon.

Vico da kameloj venas en la direkto de la sablomontetoj.

La ruĝkuprokolora suno estas subiranta.

Ombroj rampas el nekonataj varmegaj dezertoj al la urbo.

En pendantaj reĝaj ĝardenoj kriadas paradizaj birdoj, antaŭsentante vesperon.

Granda urbo eligas en aeron multkolorajn orientajn zumadojn.

Finiĝas la tago.

La reĝo apogas sin al la kolono, lia rigardo malheliĝas. La fortepiano ploras, la fortepiano migras sur enteriga vojo. Subite ĝi ekiras kvazaŭ frenezulo!

La reĝo rektiĝis. Liaj okuloj briletas. Li aplaŭdas per la manoj.

Sklavoj elkuris el inter la kolonoj. Ĝis la tero ili kliniĝas, poste malaperas kaj revenante portas tablojn, vazojn kaj arĝentajn, orajn kalikojn.

La fortepiano sonetas provante molecon kaj delikatecon de tonoj, kvazaŭ estus blovanta de ie malproksime, el sovaĝaj vinberarbetaroj, mola, nekonata vento.

Tiam la fortepiano kantas libere kaj senĝene.

El flankaj pordoj de la kastelo aperas aeraj dancistinoj. Papilie ili flugeglitas antaŭ la reĝon. La reĝo ridetas.

La sonoj plaŭde sonas en ora, dia liberiĝo el zorgo, malĝojo, jam ili komencas malpezan dancan motivon, kiu savas de ĉio, kiu igas la vinon bongusta, la ĉielon revoplena, la teron floranta kaj la vivon kara . . .

La ludo interrompiĝis. La edzino rigardas la edzon:

— Ĉu tio ĉi plaĉis al vi?

La pastro ridetas pro la revoj.

— Jes, tiel belaj bildoj!

— Kiaj bildoj?

— Via ludo... Ĉiu sono vekas en mi bildon. Eĉ la plej malbona harmonikludo...

Mire la edzino rigardas la edzon.

— De kiu tempo vi parolas tiel strange? Kiu ĝuas muzikon tiel? La plej lerta tekniko, kaj vi komparas ĝin kun harmoniko! Mi ludas tute ne malbone. Bonan teknikon mi havas. Kiam mi lernis, ni ankoraŭ estis riĉaj kaj min instruis la plej fama artisto.

Ree leveto de la energiaj ŝultroj.

Tiam ŝi komencis Grieg.

. . . Tie, malproksime, kvazaŭ estus videbla io. Estas aŭdebla malproksima ludo de milittuboj. Atendu . . . Atendu . . .

Ĉu ne briletis en ekdormintaj lagunoj, en la malhelo de kepoj, malafabla, sindetena kaj malklara brilo.

Voĉoj . . . Voĉoj . . .

Kvazaŭ longaj vicoj vagus laŭ malhelaj, inkubdormaj stratoj.

Nigraj flagoj flirtas senforte kaj peze; en la kunpremita aero estingiĝas premitaj, kun dio disputantaj vortoj, de pastro.

Kaj sur la brustojn klinas sin kapoj de monaĥinoj kaj iliaj palaj, sekaj, de ĝuo netuŝitaj lipoj estas malfermitaj pro la profunda spirado.

Aŭdu . . . Aŭdu . . .

Estas aŭdata bruego de hufoj.

Subite, uragane preterrapidegas amaso da rajd-

antoj. La naztruoj de la ĉevaloj estas larĝe malfermitaj, kaj la okuloj de la nigroharuioj ĵetas fulmojn.

Turnovento...

Kaj strange! Silenta profundo kovras ĉion.

Susuroj kuras el eterno al eterno en la pensema aero:

Malantaŭ la fenestro kun apenaŭ aŭdebla zumeto falas flavaj folioj.

Oni atendas ion...

Tiam komenciĝas la sono. Tiu ĉi sono, kiu leviĝas el nemezurebla profundaĵo, leviĝante, malleviĝante, sonante. Meze de l' abismo sur nigraj kalkŝtonoj kreskas nigraj muskoj, etendiĝante supren al lumo.

Vidiĝas malĝojaj lipoj de iu.

Iu etendas la palan vizaĝon.

La okuloj estas lace fermitaj.

Ion flustras la lipoj...

Ree interrompiĝis la ludo.

La pastro leviĝis, paŝis al la edzino.

Emociita, li kisis ŝian manon, sed al li estis, kvazaŭ li estus malproksime de tie ĉi, kaj kvazaŭ li ne estus aŭskultinta la muzikon, sed leginta forgesitajn, malnovajn paĝojn de nekonata poeto, ie, en sunluma turoĉambro de griza kastelo.

IV.

Ĉi-somere venis senpluveco.

Kiel kadavroj staris la herboj kaj arboj, kaj io fremda, nekonata estis en ilia pozo.

Kvazaŭ turmentitaj okuloj estus rigardintaj de arbobranĉoj kaj de kliniĝintaj suproj de herboj; iaj demandantaj okuloj, plenaj je miro kaj nekomprenemo. La tuta naturo ŝanĝiĝis. La tuta mondo fariĝis alia; ia fremda sopirado plenigis ĝin, ia nevidebla, sed divenebla mistera potenco paŝadis sur la tero.

Kiu ĝi estis, kie ĝi estis?!

Se oni rigardis la sunon, kiu, persekutate de furioj, timeme, devigite fomentis la mondon, se oni esploris ĝian iron, ĝian neordinaran vizaĝon, ĝian timiĝintan, malheliĝintan okulon;

Tiu ne estis tiu suno, kiu ĉiam brilis super la tera tero! Tiu ne estis tiu suno, kiu ĉiam vigle vekis la homojn matene kaj en mistikaj fabeloj adiaŭis dum nekomputeblaj vesperĉieloj. Tiu ne estis tiu suno, kiu de naskiĝo ĝis la morto brilis kiel simbolo de klareco, je kies nomo oni laboris, kredis kaj esperis — pri vivo, morto, eterneco.

Tiu ĉi suno venis, por anstataŭi dum mallonga tempo tiun alian, por pereigi la kredon je ĉio, kio estas ordinara kaj kara, por montri:

Ekzistas ankoraŭ alia suno kaj alia tero, ekzistas ankoraŭ miloj da sunoj krom la ordinara suno — kaj la tera menso de homo devas krevi pro la turmenta demando:

Sinjoro, Eternulo, montru al mi verajn vojojn, montru, kie estas la vero kaj senerareco! Ĉu estas vero tio, kion ni vidas kaj kredas, aŭ vero estas tio, kion mi ne povas vidi kaj kredi — ĉar mi ne konas ĝin — sed kion mi tamen turmente divenas!...

Kiam dum seka sange-flava tago vento venis el oriento tra la mortintaj kampoj kaj movetis la duonvelkintajn foliojn de tilio apud la neĝblanka, sekiĝinta landvojo antaŭ la tombareja pordego, kian flustron oni aŭdis en tiu ĉi timiĝinta susurado? Ĉu la susurado estis konata? — Ho ne!

Ia fremda, antaŭe neaŭdita bruo estis en la branĉoj de l' senpluvtempaj arboj, ia nekonata sono, kiun neniam antaŭe la oreloj estis kaptintaj. Kvazaŭ sekajn rabotaĵojn oni estus foliuminta en la suproj de l' arboj, kvazaŭ senharaj flavetvertaj astronomoj de griza, antikva, eterne nekonata tempo estus legintaj malnovajn pergamenrulojn. Ĉu oni komprenis ĉi tiun lingvon? Ho ne! Ho ne!

Fremdaj estis la tagoj, pli fremdaj estis la noktoj.

Noktmeze vekiĝis la pastro.

La blua lumo de l' noktlampo igis lian vizaĝon nigrete-griza, en ĝi la okulkavernoj vidiĝis kvazaŭ tomboj.

Apud li dormis lia edzino kun la nudaj brunetaj mamoj, kiuj dum la spirado mallonge leviĝadis kaj malleviĝadis. En la infanĉambro sub la blankaj litotukoj, en rozkolora lumo, kiu delikate briletis tra la pordofendo, ripozis du malgrandaj knaboj.

La spirado de la dormantaj homoj meze de

## PLUVA KANTETO

*Il pleure dans mon coeur*
*Comme il pleut sur la ville..*

*PAUL VERLAINE*

Pluvas en la stratoj,
ploras en la kor'; —
gutoj de la pluvo:
larmoj de dolor'.

Griza la ĉielo,
ĉie nura griz'!
Ĉu ne reaperos
suno kaj iriz'?

Sur fenestroj miaj
pluva frapetad':
unutona kanto,
morta serenad'.

Tiu ĉi torento:
nova la diluv'; —
mian koron pekan
purigadu, pluv'.

Min denove kaptas
preme la angor'...
Pluvas en la stratoj,
ploras en la kor'...

*Jan van Schoor*

## VESPERA KANTETO

Ie en la malproksimo,
tra krepuska la malhel',
ploras la akordoj dolĉaj
de violonĉel'.

Estas kanto sen paroloj
de Felikso Mendelssohn:
plendezire, amsopire
sonas la kanzon'.

La kristalaj tonoj gutas
en vespera la ĥaos',
kvazaŭ la akveroj freŝaj
de l' matena ros'.

Kaj malnova la deziro
reviviĝas en la kor',
kaj pri la knabino kara
morta rememor'...

Dolĉa estas la revado
en krepuska la malhel',
dum resonas ie kanto
de violonĉel'.

*Jan van Schoor*

la senpluvtempa nokto impresis ĉiam la pastron kvazaŭ ia fremda trinkaĵo, per nekonataj humoroj.
Li sciis, ke ekstere la naturo baraktas en terura malsano, ke la tuta mondo estas devojigita al ia abismo — kaj ĉi tiuj tie ĉi, ĉi tiuj malfortuloj, trankvile dormas sur la bordo de l' abismo.
Abismo... Surdorse, apogante sin al la manoj, la pastro ekmeditis en la pensema trembrilado de la kvieta fajro.
Abismo... Ekzistas ia abismo... ekzistas ia nekonata lando ie en la senfunda profundaĵo, aŭ en senfina altaĵo, aŭ en vi mem.
Kio estas la abismo... kio estas la nekonata lando?... Ĉu terura kaj abomena, aŭ kapturne poezia kaj bela? Io tiras la abismon ien, kvazaŭ malbeno, kvazaŭ ĵuro, kaj irante sur la sklavverga vojo de tiu ĉi ĵuro, al la koro estas tiel terure kaj dolĉe, kvazaŭ ĝi efektive alproksimiĝus al nekonata profundegaĵo, kie — ne estas scieble — ĉu atendas eterna pereo, aŭ eterna feliĉo.
Mallaŭte, kiel ĉiam, kiam la edzino kaj la infanoj dormas, la pastro ellitiĝis. Ia demando turmentis lin — li deziris pensi en soleco, por trovi respondon.
Singardeme, kiel sekreta spionanto, li vestis sin, malfermis la pordon kaj paŝis en la ĝardenon.
La pastro ne kredis je Dio tiel, kiel oni kredas en la preĝejaj libroj, sed li kredis je ia nekonata, nevidebla potenco, je ia fato, gvidanta la eternon kaj al tio ĉi li ĉiam preĝis, laŭ la biblio nomante ĝin Sinjoro.
Paŝante laŭ la piedvojeto obtuze sonanta pro la sekeco, inter la pomarboj, kies mortintaj, sensukaj branĉoj ĵetis nigrajn, disŝiritajn strekojn sur la teron flavan pro la lunlumo, la pastro preĝis en si mem. Tio estis lia kutimo: pensante prezenti la dubojn al la Sinjoro tiel, kiel li estis lerninta tion ĉi laŭ la ritoj.
Parolu al mi, Sinjoro, pri mi mem! — pensis la pastro —, kiu mi estas, de kie mi venas kaj kien mi iras?! Mi ne scias tion — kaj tio estas plej stranga! — tio estas terura por mi kaj tio igas mian kapon turniĝanta!
Kiu mi estas?!
Mi diras al mi mem: vi estas homo! Sed tio klarigas al mi nenion. Se mi estus nur homo — nur dupieda besto — kial do, ho Sinjoro, mia animo doloras en neklarigebla turmento kaj sopiro — en divenoj, kiuj estas ekster tiu limo, kie vi estas lokinta min. Kial mi ne nur manĝas, kial mi ne nur trinkas kaj ne vivas nur por tio, kial mi pensas, Sinjoro, vidas landvojojn kaj bildojn, kiu ne originas de tie ĉi, kie mi moviĝas laŭ viaj leĝoj...
Ne, la homo estas io alia, ol nur homo!
Kvazaŭ ĵurigante la pastro levis la manon al la ĉielo kaj haltis.
Homo estas io alia, ol nur la videble dupieda besto, kiu manĝas, trinkas kaj faras la ĉiutagajn laborojn.

Ĉiuj homoj estas io alia, ol tio, kio ili estas laŭ nia vidpunkto, — ĉiuj bestoj, ĉiuj objektoj, ĉiuj ŝtonoj kaj arboj. Kio klarigos al mi ilian veran esencon, — kiuj kaj kiaj ili estas, kaj kial ili ekzistas.
Kiel malmultaj pensas pri tiu ĉi stranga demando!..
La pastro sidiĝis sur la benkon apud la maljuna tilio. Liaj pensoj iĝis pli kvietaj, la grandaj dolorantaj vundoj en la animo plimildiĝis.
Jes... Subite vi estas ŝanĝiĝinta. Vi vivis trankvile ĝis la stranga somero. Eble vi jam portis en la animo ĝermojn de neordinaraj konjektoj, sed ĝis nun la ĉiutageco estis pli forta. Kaj nun, nun antaŭ nelonge — kiam tio ĉi okazis? — io en vi estas krevinta, disŝirita estas io en vi, kaj por vi estas malfermita nekonata paĝo en iu granda libro.
Kiu povas klarigi la sekretojn de la homa animo, kiu malfermos al vi tion, kio okazis en vi mem?!
Ne, vin mem vi neniam povos kompreni!
Malriĉa laboristo eliras vespere antaŭ sian domon. Li rigardas la ĉielon, en kies profundaĵoj malaperis la suno, kaj kiu malfermiĝas kvazaŭ tombo: kial li revenas en la ĉambron kun malĝoja, neklarigebla humoro, kaj kial li ne povas dormiĝi dum la malfrua vespero?
De kie venas viaj pensoj, de kio komenciĝis viaj eksterordinaraj miraĵoj, kiam malfermiĝis por vi la nekonata lando? Vi ne scias ĉi tion. Eble ankaŭ vi, iam vespere elirante, vidis ion en la vespera ĉielo kaj pro tio ankaŭ en via animo restis neforigebla postsigno.
Eble iam nokte, dum ekvekiĝo, malfermiĝis al vi io, kio enpremis en vian internan mondon sian koloron kaj sigelon, kaj kio nun marŝigas vin en la vivon laŭ novaj vojoj, tiel surprizaj kaj fremdaj por vi.
Eble vin aliigis nur zumado de arbo, nur fleksiĝo de branĉo, nur flugado de nubo, nur homa rigardo, en kiuj estas mondoj.
Kiel ŝanĝiĝis via animo, kiel oni aliigis ĝin — oni rakontu al vi pri ĉi tio!
Neniu povas kompreni kaj vidi, kio okazas en homo, neniu povas klarigi kaj interpreti la moviĝadon de lia animo. Tio estas io alia, ol tio, kion ni kredas, komprenas kaj rekonas.
Kun ia trankviliĝo la pastro stariĝis de la benko. Ia turmenta demando estis decidita de li kaj li estis submetiĝinta al la demando. Li ne plu kontraŭbatalis en si mem tion, kio turmentis lin. Li estis distirinta la vundon kaj puriginta ĝin. Kaj kvazaŭ post la operacio li nun irus — ĉu en vivon, ĉu en morton — tion li ne sciis. Sed li estis farinta ĉion, kion postulis la sano. Li estis trankvila. La vundo doloru — tiel tio ĉi devas esti.
Li iris tra la ĝardeno sur la landvojon, kiu kondukis de la pastrobieno al herbejoj kaj arbaroj en la malproksimo.

Sola li haltis meze de l' silentanta nokto, sentante preskaŭ ian ĝojon.

Doloru, nokto! li pensis. Doloru, naturo, en agonio, malsanu, batalu kaj suferu.

Tiel tio ĉi devas esti.

Suferu, arboj, suferu, herboj, suferu, birdoj, floroj kaj folietoj.

Tiel tio ĉi devas esti. Tia estas nia vivo.

Deliru en doloro kaj malespero, homoj kaj bestoj, dum la senpluvaj noktoj, kiam la dormon penetras terura antaŭsento.

Tiel tio ĉi devas esti.

La vivo estas neklarigebla starado antaŭ la vizaĝo de l' eterno, pri kiu ni nur tiom komprenas, ke ĝi estas nekomprenebla.

Do ĝi estu nekomprenebla.

Subite la pastro ektimetis. La malleviĝanta luno, kiu kiel terura, granda, sanga okulo malleviĝis en la direkto de la suproj de l' malproksima arbaro, staris kontraŭ li terure kaj timige, ĵetante sur la teron malhelajn tremetantajn ombrojn, ŝtelirantajn per longaj malrapidaj paŝoj.

Tiuj ĉi ombroj estis kvazaŭ liberigitaj krimuloj, kvazaŭ hienoj ili moviĝis, embuskante kaj saltante, embuskante kaj saltante.

Katenite per malvarma terureco staris la pastro.

Malantaŭ la flava okulo de la luno li opiniis vidi aliajn okulojn, malantaŭ la timiga mortrikano de la luno, super la nigra arbaro, li supozis ies sekretan, teruran, malice-mokan, ridetantan vizaĝon:

La maljuna Pan, la simbolo de nekomprenebleco kaj neklarigeblaj misteroj de la naturo, sidis malproksime, en profunda arbaro; malproksime en marĉoj, kie estis ankoraŭ malsekeco kaj akvo, meze de bluaj lagetoj, kie la eterna, pratempa ventbloveto arkeklinis la malrigidajn junajn pinojn, sidis Pan kaj mokeme palpebrumis:

Tiel, tiel! Tiel, tiel! Pensu, homo! Trankviliĝu . . . Sed ne esperu, ke tio ĉi ja restos tiel, ne esperu, ke tio ĉi ĉesigos viajn sopirojn pri la nekonata lando. Ne! Tio ĉi estas nur kvieto antaŭ ventego! Se vi foje jam sopiras, se vi foje jam estas homo kaj ne nur dupieda besto, do konsolu vin tiom kiom vi volas, do cedu tiom kiom vi volas, ĉu vi opinias, ke tial oni lasos vin trankvila?! Ne, vi havas cerbon, vi havas animon. Vi ne estas dupieda besto. Vi *devas* sopiri! . . .

Kaj subite la pastro ekvidis:

Iu grandega, senforma rigardis de malantaŭ la monto. Singardeme, malrapide leviĝis la bruna kapo kun du kornoj, poste ekaperis flavetaj okuloj, malproksimaj unu de l' alia, brilantaj en la lunlumo, fajrerantaj jen en petolema rido, jen en fera minaco, jen en invita, jen en persekuta pasio.

Tiuj ĉi okuloj estis kvazaŭ profundaj maroj. Kvazaŭ senfundaj brilantaj oceanoj ili rigardis — kaj vane oni penis kompreni ilin.

Jen ŝajnis, ke en ili estas la paco kaj amikeco de la tuta ekzistado, kvazaŭ en maro, kiu ridetas en radianta sunbrilo, jen ili kvazaŭ minacis per fera nepacigebla fatalo, per morto, per ekstermo.

Subite ekleviĝis la okuloj, ekleviĝis la kapo, ekleviĝis la flava grandegulo, leviĝis ĝis la nuboj, leviĝis ĝis la ĉielo, disvastiĝis super la tero kaj kuris!

La tero sonis obtuze sub la piedoj de la bruna giganto, tondris la kampoj, arbaroj kaj vilaĝoj, tremis la ĉieloj, kaj la steloj disiĝis, dispeciĝis, kvazaŭ ornamaĵoj de kristnaskarbo.

La grandegulo kuris en la direkto de la pastro kaj jam etendiĝis trans la kampojn lia longa mano, por kapti la homon — ĉu voĉetante, ĉu pereigante?!

En neelportebla teruro ekkriis la pastro kaj ekkuris al la pastrobieno.

Tinte li puŝmalfermis la pordon, kaj poste lia mano dufoje turnis la ŝlosilon.

V.

La pastro staris en la katedro, rakontante parabolon pri ŝipo, kiu pereos, se la ŝipanoj ne havas firman kredon.

Kaj subite, parolante ordinarajn vortojn pri ordinaraj aferoj, en la spirito de la pastro leviĝis ia variaĵo de l' aferoj, estigita de unuopaj bildoj de ordinaraj vortoj.

Ie, ĉe, maro estas kastelo, ie, ĉe malrapide ondanta, granda, maljuna maro estas kastelo de la reĝoj de l' faŭnoj.

Sur la alta bordo leviĝas al la eterne verda ĉielo la bluaj muroj de la kastelo, la blankaj denthararaj turoj etendiĝas supren, kvazaŭ la juvelaj kronoj de reĝoj.

La kastelo de l' antikva, krepuska kaj nekonata tempo dormas en trankvilo kaj silento sur la bordo de antikva, krepuska, forgesita arkaika maro. Plaŭdante la maldiligentaj blanksupraj ondoj diseriĝas kontraŭ ĝia malhelgriza ŝtonŝtuparo kaj malrapide, kun gravaj, respektindaj pensoj la nigraj cipresoj movas siajn suprojn, antaŭ la teraso el brunstreka marmoro detruiĝinta pro la tempo.

For de la maro al la interna lando kondukas maldensaj boskoj da arboj kun blankaj grizmakulaj trunkoj, kies folioj estas helverdaj, kvazaŭ vivaj estaĵoj.

La verda ebenaĵo, kovrita de arboj kun multkoloraj trunkoj, la verda senmova ĉielo, la malhelverdeta maro havanta koloron de malnova vitro kaj la bluverda kastelo estas lumigataj de la suno, kiu enmiksas en tiun ĉi verdan naturon orkoloran, flavan koloron.

Sed nek sur la tero, nek sur la maro estas videbla la suno!

La tuta mondo estas plena je sunlumo, kaj tamen — sur la verda senmova ĉielo forestas la nerva okulo de la suno, de horizonto ĝis horizonto ne estas videbla la tera suno, kaj tamen la mondo estas saturita per la ora lumo.

Tio estas la senviva, en lumo rigidiĝinta tero, en tiu ĉi bela mondo ne ekzistas movado, tiu ĉi

bela regno de vizioj estas kvazaŭ bildo meze de eterno, netuŝita kaj nesakrilegiita, kvazaŭ pentraĵo de dioj.
Sed — atendu! ... Atendu! ...
Jen! Rigardu! Blanka pinto de velo vidiĝas sur la horizonto, malantaŭ la verdsupraj, vitrecaj ondoj.
La blanka velo glitas, la blanka velo rapidas, la blanka velo alproksimiĝas al la bordo.
Malgranda boato, malgranda, griza boato de la homlandoj remveturas al la verda bordo rigidiĝinta en eterna silento.
Sed atendu ... atendu! ...
Oni mallevis la blankan velon. Griza, malgranda homo stariĝis en la boato, serĉeme turnante la vizaĝon al la bordo.
En la terura lumo dormis la verda tero, super kiu ne brilis la tera suno, sed kiu tamen estis hela, kvazaŭ plej varma tagmezo.
La arbfolioj moviĝis pro ia vento — ĉu tio estis vento?!
Sed atendu ... aŭskultu! ...
De la malproksimaj, malhelaj montoj, kiuj, envolvitaj en griza nebulo, staris kiel gardantoj de la pli profunda horizonto, el la malproksimaj arkaikaj malantaŭlandoj, el la malproksimaj regnoj de l' eterno eksonis milda, tremanta, nekonata kaj dolĉa sono.
La pordego de la blua kastelo malfermiĝis akompanata de kantanta sonorado de la ĉenoj, la granda, flava suno leviĝis de la teraso de l' kastelo ĝis la suproj de l' cipresoj.
Silento.
Silentas la pastro, kun mallumo en la okuloj. La timiĝinta komunumo mire rigardas lian ŝanĝiĝintan vizaĝon.
Tiam la pastro ektremetas, pasigas la manon tra la vizaĝo.
Li daŭrigas la ordinaran paroladon.
Li parolas pri la paclando, kiu venos al tiuj, kiujn oni detruas sur la vivomaro — se ili nur havas kredon.
Kaj ree ... ree iu alia mondo ekaperis en la spirito de la pastro, kaj ree, parolante ordinarajn vortojn, li iras la aliajn vojetojn kaj aŭskultas flustran brueton de la alia mondo.
En soleco odoras arbaro, putras la pasintjaraj folioj. Ebenaĵo meze de l' arbaro ... Ĉirkaŭe kreskas malhelaj altaj abioj.
Kio estas okazinta sur tiu ĉi ebenaĵo de eterno ĝis eterno? Ni konstruos tie ĉi blankan domon. Kurtenoj pendos ĉe la fenestroj, violoj velkos en la bedoj; en la angulo de la malalta barilo floras unuopa sunfloro, rigardante en la altan, humidan ĉielon. Vi sidos sur la benko apud la ŝtuparo de la domo, trankvila feliĉo estas sur via vizaĝo. Iu venas en la arbaro, ĉar la folioj susuras, la branĉoj kraketas.
Kien kondukas la vojo?
Ĝi kondukas en la eternon.
Kiu vi estas?
Mi estas la Tempo.
La figuro, envolvita en blankan mantelon, forlasos la sojlon de via domo kaj malaperos en la eterna arbaro. Tie la abioj komencos la funebran muĝadon kaj malgrandaj nuboj flugos en alto.
Vi ridetos kontente.
Benita estu grandeco kaj senlimeco! vi pensos. Benitaj estu la noktoj, kiam miloj da steloj dronas en la ĉielo, benitaj estu la maroj, kiuj malaperas malantaŭ la malproksimaj universoj! Benitaj estu la ŝipoj, kiuj erarvagas, neniam atingante la celon! Benitaj estu la pensoj, kiuj havas nek regulon, nek formon, nek volon! Benita estu ĉio, ĉio, kio estas libera je tempo, spaco kaj logiko!
La pastro rigardas — lia spiro tremas, la okuloj larĝe malfermiĝas, fariĝas fremdaj kaj malproksimaj — kaj tiam nenio plu estas, kio ligus al la katedro kaj preĝejo.
... Kiu paŝas sur kampoj kies limo atingas la bordon de malproksima maro? Vi vidas neniun alian krom tiu ĉi unu. En griza mantelo li migras sur senfinaj vojoj. Sur lia vizaĝo estas nek ĝojo, nek malĝojo, ĉar nenion similan li povas senti. Li alvenas al la maro, kiu estas kvieta kaj griza.
Tien trans la marojn vi iros, en landon, kiun vi ankoraŭ ne estas vizitinta. Tie inter grandaj arboj staras domo ĉirkaŭita de plektokreskaĵoj. La suno estas haltinta en la ĉielo kvazaŭ ruĝa disko. Ĝi staras embuskante malantaŭ la domo. En larĝa, nigra mantelo vi preteriras ĝin, via rigardo estas trankvila kaj firma.
— Iru vian vojon! — vi diras. Lumigu kaj varmigu!
Tiam vi venos hejmen kaj ekbruligos dikajn kandelojn, ĉar la tuta mondo estas mallumiĝinta pro manko de la suno. Krepusko envolvas vin de ĉiuj flankoj, ombroj rampas kaj flustras en la anguloj. Dum longa tempo via rigardo estis en libro bindita en nigra ledo, sed, strange, viaj haroj ne estas griziĝintaj, en via vizaĝo ne estas estiĝintaj sulkoj.
Kaj vi stariĝos, forĵetos la nigran vestaĵon, fermos la dikan libron kaj ekkrios:
Sufiĉas la saĝeco, la mallumo, sufiĉas la silento kaj soleco! Donu al mi lumon, liberecon kaj sunbrilon!
Akompanate de blankaj nuboj vi vojaĝos en lumlandojn kaj haltos sur la sabla marbordo. Ĉiuvespere la suno subiras malantaŭ la malproksima maro, sed matene ĝi leviĝas denove. Ondo post ondo kisas la bordon. Blankaj mevoj neniam enakviĝas, iliaj konveksaj flugiloj portas ilin ĉiam super la ondoj.
Vi sidos sur benko, sur marbordo. De malproksimaj universoj muĝante preterpasas vin la tempo ...
Ree jam delonge la pastro estas silentiĝinta. Silentas la preĝejo.
Malkuraĝe ekmoviĝas la vizaĝoj de la konfuzita komunumo; la okuloj de l' homoj estas rondaj pro strangeco kaj terureco.

Kaj rideto de miro, teruro, kuriozeco ekaperas sur iliaj vizaĝoj, ridetigas la muskolojn per inkuba tiro en grimaco de timo.

La komunumo ridetas en apatia nekompreno, kaj la homoj pro timomagneto kunigas la kapojn kun ardanta flustro de terureco.

Hoho! Hihi! Haha!

— Kara komunumo! — diras la pastro, kvazaŭ tra dormo aŭdiĝus lia voĉo.

Tiam li ekvidas la ridantan komunumon, la sensencajn buŝojn ektiretiĝantajn en rikankonvulsioj, iliajn maskojn, kiuj estas malfermitaj kvazaŭ terura libro.

Li ektremetas; lian vizaĝon trakuras bruliganta, ĉion ekstermanta decido.

Li ĉirkaŭrigardas kvazaŭ en rapida serĉado, kvazaŭ en konsildemando al ie. Granda maltrankvileco ŝiradas liajn membrojn.

Tiam li ekkaptas la baskojn de la mantelo kaj kurrapidas malsupren laŭ la ŝtuparo de l' katedro.

Meze de l' prediko la pastro forlasas la preĝejon, trapaŝas la komunumon rigidiĝintan pro miro kaj malaperas en la korto.

Rapide iras la pastro laŭ la landvojo, kaj la komunumo, elkurinta el la preĝejo, rigidiĝinte postrigardas lin.

Laŭ la landvojo kondukanta en malproksiman arbaron, malantaŭ la pastrobieno, la pastro iras en nigra preĝejtalaro, kun nigra bireto sur la kapo.

Pli malproksimen portas lin la rapida paŝado. Pli malproksimen... pli malproksimen...

La ĉielo sekiĝinta dum monatoj, turmentita en silento, subite disŝiriĝas:

Freneza ventblovo ĵetiĝis de supre.

Ĉiudirekta ventego venis tra la tero.

La arbojn ĝi alterigis, levis, kaj tiam ĝi ĵetadis ilin kvazaŭ pajlerojn tien ĉi kaj tien, tiel, ke ili kriegis pro doloro. La gudrokolora ĉielo iĝis nigra, kvazaŭ peĉo. Kvazaŭ aroj da nekomputeblaj birdoj, arbfolioj flugis en la aero. Alten, pli alten, al la preĝeja turo, leviĝis turniĝantaj polvokolonoj, kirliĝis kvazaŭ grandeguloj en freneza sorĉturniĝado, ruliĝadis, poste forkuregis tien ĉi kaj tien, kaj tiam subite kunĵetiĝis, kvazaŭ en pasia kolerparoksismo, — dentgrince atakante unu la alian.

Kaj la aeron, rigidiĝintan pro varmego, traiĝis averta malvarmeto, kvazaŭ etendiĝanta mano de transmondo.

Tio estis ventego, tio estis uragano, tio estis malfermo de l' firmamentoj.

Obtuza tondrobruo aŭdiĝis de malproksime, de malantaŭ la arbaro, ĝi portiĝis al okcidento, disvastiĝis en la duono de la ĉielo, kaj poste forsonis ie en marĉo.

Ankoraŭ unufoje la ĉielo tremegis en konvulsio, disŝiriĝis kaj kunĵetiĝis.

Ankoraŭ fojon... ankoraŭ fojon...

La tero ŝanceliĝis senteble.

Subite oni disduigis la nubojn per longa, helruĝa, zigzaga streko, kies ekstremoj malsupreniĝis kiel serpentumantaj fajraj serpentoj.

Eksonis terura tondrego.

La kolonoj sur kiuj staras la tero ŝanceliĝis, pecoj da granito ŝutiĝis antaŭ la piedojn de la sankta Dio kaj kun kraketanta bruo frakasiĝis, polviĝis.

Kaj subite la neimageble grandega kolero de Jehovo ne plu havis finon.

La Sinjoro frapadis la ĉielon per fajrovipoj ekbrilantaj unu post alia, batadis per nevidebla martelo la apatian teron, surdiĝintan pro varmego.

Ne havis finon la puno de l' Plejpotenca!

Tiam — ho kia feliĉo, kia, per lango neklarigebla dolĉeco! — subite minuto da sankta kvieto venis super la teron tremantan en plorkonvulsioj, kaj, kvazaŭ unua puriga spiro de pardono, malvarmeta, delikata, sonetanta, pro malseko mola venteto venis de l' malproksimaj eternoj...

En la velurkoloraj strioj de densa griza pluvo, kiujn oni tiris de la ĉielo ĝis la tero kvazaŭ kordojn de muzikilo, malantaŭ la helgriza maldikkolona muro, en la krepuska sino de la malproksima arbaro, malaperis la pastro, vestita per nigra preĝejtalaro kaj nigra bireto.

El la estona: *Nikolai Tohvri*

## ĈE LULILO

En simpla ĉambro subtegmenta
mi staras ofte ĉe lulil'.
Sur vindoj ludas lum' arĝenta,
kun kisa flirt' de l' pala bril'...

La eta homo gaje ridas...
kaj tamen sangas mia kor'.
Okuloj de l' patrin' — mi vidas —
atestas larme pri dolor'.

Patrino pala, mi komprenas,
ke timotremas via sin',
ĉar tempo pasos kaj alvenos
la filo por demandi vin...

kaj vi rakontos, ke „ĉielo
donacis vin sen patra nom'..."
kaj tamen poste pro l' fabelo
formortos rid' de l' eta hom'.

*Julio Baghy*

# EL LA POEMOJ DE GŪSTAV SUITS

## AŬTUNA KANTO

Griza ĉielo kaj nigra ter'.
Pluva senĉese la veter'.

Kaŝas la celojn nebulo sen lim',
Koro doloras, laciĝis anim'.

Ho, ke la pluvo nun fine do ĉesu,
Vento la nubojn dispeli sukcesu!

Tamen senŝanĝa restadas veter',
Alproksimiĝas aŭtuna vesper'!

Ĉu ne finiĝos ie la voj'?
Nokto ekestos, sen lum', sen ĝoj'.

Ho, ke la steloj nun ne forestu!
Ke tiu nokto senfina ne restu!

El la estona: *Helmi Dresen*



## LA PALA LUNO

Palas la lun', pro malĝoj'
monstre ĉe l' kampo neĝplena.
Nigras arbombro ĉe l' voj'.
Apud pordego biena
plendas sen ĉes' hunda boj'.
Jam fermiĝis vivopordo,
skias laŭ neĝkampo morto.

Palas la lun' pro malĝoj',
teren ŝutiĝas arĝento.
Nigras arbombro ĉe l' voj',
en nia koro — turmento.
Plendas sen ĉes' hunda boj'.
Jam fermiĝis vivopordo,
skias laŭ neĝkampo morto.

Palas la lun' pro malgoj',
ĉie teruro sentiĝas.
Nigras arbombro ĉe l' voj'.
Kial do vi silentiĝas?
Plendas sen ĉes' hunda boj'.
Jam fermiĝis vivopordo,
skias laŭ neĝkampo morto.

El la estona: *Hilda Dresen*

## PRINTEMPE

Kisu min, kisu min,
milda ventet',
antaŭ ol estos fin',
morta kvivet'.
Kisu min, kisu min!

Ankaŭ mi tremas ja
pro vivdezir',
ankaŭ mi premas ja
vasta sopir'.
Ankaŭ mi tremas ja!

Jen verdkoloras jam
arbo ĉe l' dom',
ĉarme ĝi floras jam',
kun dolĉ-arom'.
Jen verdkoloras jam.

El la estona: *Hilda Dresen*



## JUNAJ FORĜISTOJ

La marteloj niaj muĝu,
forĝofajro brue ruĝu!
Karbon ŝutu,
flam' ĝin glutu,
hej, blovilon premagitu,
flamon, flamon vi incitu!

La marteloj niaj muĝu,
forĝofajro brue ruĝu!
Brulos kree,
senperee
hela flamo, la sopiro,
la espero, la aspiro.

La marteloj niaj muĝu,
forĝofajro brue ruĝu!
Ni el fero
per martelo
faru lancon, faru glavon,
por la hejmo ŝirmon, savon.

El la estona: *Helmi Dresen*

## NEBULOZO

Deliro bruston mian premis fere,
oktobra pluv' gutadis al la ter'.
Vagadis pro maltimo de l' sufer
laŭ vojoj jam konataj ni sencele.

Briletis la lanterna lum' malhele,
la urbon envualis la vesper'.
Vagadis pro maltimo de l' sufer'
laŭ vojoj jam konataj ni sencele.

Perdiĝis paradiz' de nia am',
miraklon ĝisatendi estis van' —
en nokta griz' la am' rifuĝi penis.

Kaj ni sen iluzioj, kun malĝoj',
vagadis kune laŭ la kota voj',
ĝis je vezikoj la piedoj plenis.

El la estona: *Hilda Dresen*

# LA STACIESTRO[1]

A. DE HERZ



La vagonaro malvigle iradis, trapasante la kampojn rostiĝantajn en la bakforno de la julia suno. Ĝi klopodis, spiregis kiel dikulo kuranta post tramveturilo por ĝin eniri, kiam la tramoj estas plenaj kaj la varmo grandega.

Malgranda difekto de la vapor-pumpilo devigis la mekanikiston iri per malpli granda rapideco.

Sed la vojaĝantoj estis duonmortaj. Multaj homoj iris *Constanta*-n,[2] la vagonfakoj estis plenaj kaj ankaŭ la koridoroj tiel plenaj, ke la cirkulado estis neebla.

Mallongan tempon la vagonaro iris per la kutima rapideco, freŝiga blovo eniris tra la malfermitaj fenestroj, sed nun pro tiu „difekto" la varmo de sur la kampo eniris en fajraj ondoj tra ĉiu fendo de la vagono. Estis tute neeble fari iom da trablovo. Maljuna virino protestis, kiam oni volis ŝanĝi la aeron de la kupeo, ĝis kiam fine ŝi ĉesis diskuti kaj kontentiĝis per la levo de la fenestro, kiam oni malfermis la pordon, aŭ per la fermo de la pordo, kiam oni mallevis la fenestron.

En la koridoro sinjoro ventumis sin per pajla ĉapelo. Kelkaj impertinentaj infanoj, malpuraj de ĉokolado, iradis tra la amaso por paŝi de unu kupeo al la alia, malpurigante la fremdajn vestojn per ĉokolado. Tedite, oficiro kriegis al ili: „Trankviliĝu, aŭ mi elĵetos vin el la vagonaro!" — La minaco efikis por kvaronhoro, poste unu el ili, volante tamen trairi, ion flustris al la patrina orelo kaj la patrino, prenante ŝian manon, ŝovis lin tra la amaso kaj petis pardonon, ke la knabo bezonas ien iri.

Ĉe la fenestro, Vasile Bucŝan[3] babiladis kun la doktoro de banloko Tekirghiol. Dika, ruĝvizaĝa, kun la poŝtuko ligita sur la kolo, Bucŝan[3] ŝajnis bonhumora homo post manĝo, kie oni multe trinkis. Ili babiladis pri la banloko, pri la kareco de la hoteloj, kiam jen eniras la konduktoro por peti la biletojn por la venonta stacio.

La konduktoro ŝajnis tre honesta homo, serĉante iun, kun kiu li povus babili.

— Kien ni alvenas, amiko, — demandis Bucŝan.

— En Feteŝti. La biletojn por Feteŝti! Kiu eliros?

— Jen Feteŝti! Brave! Ni ja bone iradas! — Kaj Bucŝan komencas ridi.

— Bone, malbone, kion fari? Ni malfruiĝis du horojn, tiu maŝinaĉo estas kulpa.

— Kial oni ne ŝanĝas ĝin, amiko? — enmiksiĝis la doktoro.

— Oni parolas pri ŝanĝo en Feteŝti. Oni jam telefonis.

[1] El rumana literatura revuo „Adeverul Literar".
[2] Konstanca, apudmara banloko.
[3] Elparolu: Bukŝan.
[4] En Rumanio la fervojistoj portas ruĝan ĉapon.

— Do bone, ke oni ĝin ŝanĝos, — diris Bucŝan. — Bona homo estas tiu Anghelescu. Ĉu li estas ankoraŭ staciestro en Feteŝti?

La konduktoro malfermegis la okulojn:

— Anghelescu? Neniam ia Anghelescu estis staciestro en Feteŝti?

— Ne diru, mi ja estas bona amiko kun Anghelescu el Feteŝti. — Kaj li klarigis ion per okulfermo al la doktoro, kiu ne komprenis la sencon de la interparolo.

— Ne estas, sinjoro, se mi diras. Ĉu mi ne pasas tie trifoje ĉiusemajne? Tie ĉi sinjoro Jonescu estas staciestro, Andreo Jonescu.

— Vi pravas, tiel estas! Mi konfuzis lin per alia.

— Andreo Jonescu, homo alta, bruneta.

— Sinjoro Jonescu estas mallonga, dika.

— Mi konas lin, mi konas lin? Tiel li aspektas! Mi rememoras Andreon Jonescu.

Kaj signante al la doktoro, ke li tute ne konas Andreon Jonescu, li daŭrigis la esploradon.

— Kiel li fartas? Ĉu li edziĝis? Mi konas lin kiel vivkapablan junulon.

— Oho, li estas edziĝinta antaŭ 20 jaroj! Li havas ankaŭ infanojn, knabon kaj knabinon. Fraŭlinon Margareton li edzinigas kun leŭtenanto el Ĉernavoda. Kaj lia knabo ĵus finis la liceon.

— Ĉu vere? Li edzinigas Margareton? Li devas esti tre kontenta!

— Certe! Alvenis ankaŭ lia bopatrino. Malfeliĉa virino, nun, dum la maljuneco okazis al ŝi malfeliĉo! Ŝia piedo rompiĝis kaj ŝi iradas kun bastono, ĉar ŝi lamas. Kion fari? Verŝajne dum la maljuneco la osto putriĝas kaj ne plu saniĝas. Sed malgraŭ sia stato, dum la tuta tago ŝi ordigas en la ĉambro kaj en la korto ĉion.

Ĉar la bopatrino ne plu interesis lin, li ŝanĝis la temon de l' diskuto.

— Sed kiel nomiĝas la knabo?

— Ĵoĉjo! Li malsanis: havante skarlatinon; li saviĝis. Li ankoraŭ estas malgrasa, oni lin irigis Constanta-n. Li volas fariĝi inĝeniero. Li ŝatas la kalkulojn.

— La biletojn sinjoroj, kiu eliros en Feteŝti? — La konduktoro lerte glitas tra la vojaĝantaro, kaj malproksimiĝas. Dume la doktoro demandas Bucŝanon:

— Diru al mi, ĉu vi konas aŭ ne la staciestron en Feteŝti?

— En mia vivo mi neniam vidis lin.

— Do tiam?

— Mi babiladis por ne enui tie ĉi. Ĉu vi ne rimarkis lian babilemon? — Li ne finis la parolon, kiam la konduktoro revenis, kvazaŭ li estus forgesinta ion.

— Mi forgesis diri: amaso nun estas ĉe la sinjoro staciestro. Alvenis liaj kuzinoj por helpi

en la kudrado, kaj ankaŭ la fianĉo, kiu havas libertempon . . .

Li ne povis finparoli, ĉar longa fajfo anoncis la eniron en la stacion. La vagonaro rapide iras, ĝi haltas sur la unua linio, antaŭ la perono.

Sciante, ke pro la maŝinŝanĝo okazos malfruiĝo, la vojaĝantoj eliris por aĉeti ian manĝaĵon.

Tra la amaso, la staciestro, Andreo Jonescu, kuradis por ŝanĝi la maŝinon. Post tri-kvaronhora haltado, dum kiu tempo Bucŝan kaj la doktoro interesiĝeme sekvis lin, la staciestro ordonis la preparojn por la ekiro. Estis ankoraŭ kelkaj minutoj antaŭ la ekiro kaj Andreo Jonescu rigardis la vagonaron ekirontan, kiel amema patro la forirontan infanon. — Subite Bucŝan klinas sin eksteren kaj ekkrias:

— Andreo!

— Jes!

Kaj la staciestro levis la okulojn, ravite, ke li trovas konaton.

— Andreo! Kiel vi fartas, Andreo?

— Bone! Kie vi estas? Kiu min vokas?

Li bone vidis, ke Bucŝan vokis lin, sed ne konante lin, li kredis, ke estis nur ŝajno.

— Tie ĉi! Tie ĉi! Ĉe la fenestro! Do kiel vi fartas?

— Bone sinjoro, sed kiu vi estas?

— Ĉu vi ne plu konas min? Ho ve! Tian staton vi atingis?!

Andreo Jonescu malfermegis la okulojn por rekoni lin, sed vane. Tiam li pensis, ke la sinjoro ĉe la fenestro eble konfuzis lin kun alia kaj ĝentile ridetante li turnas sin al li:

— Sinjoro, vi eraras. Eble alia Andreo estas, kiun vi konas? Mi tute ne konas vin!

— Ho ve, Andreo, junulo! Ĉu vi ne rekonas min? — Kaj rememorante ĉion, kion la konduktoro diris al li, li komencas rakonti:

— Do mi gratulas.Vi edzinigos Margareton. Bona knabo prenos ŝin. Mi aŭdis, ke li fariĝos kapitano!

La staciestro paliĝis. Tiuj ĉi vortoj falis sur lian kapon kiel piŝto-puŝo. Do ili konas unu la alian. Ne okazis eraro. Kaj tamen li ne sukcesas rememori la homon parolantan ĉe la fenestro.

— Kiu vi estas, sinjoro?

— Nur tio mankas! Kiu mi estas? Nu, divenu!

La doktoro preskaŭ mortis pro la rido malantaŭ Bucŝan, kiu daŭrigis:

— Saluton al via bopatrino! Mi aŭdis, ke ŝi estas tie ĉi por la edziĝfesto. Mi kompatas ŝin pro la pied-malsano. Do kion fari, je ŝia aĝo ŝi povas iri kun bastono. Sed diru, ke ŝi lasu la ordigon en la ĉambro! Nun estas la vico de Margareto.

— Kiu vi estas sinj... volis ankoraŭ diri Andreo Jonescu, sed estis maleble, Bucŝan daŭrigis kiel malnova konato, kiu ĉion scias. Tiuj detaloj frenezigis Andreon.

— Mi iras Constanta-n. Mi vidos Joĉjon. La malfeliĉulo, — bone, ke li saviĝis. Tiuj skarlatinoj estas tre danĝeraj.

— Kiu vi estas, sinjoro? — malespere demandis la staciestro penante rememori pri la interkonatiĝo. Bonvolu diri, kiu vi estas kaj kie ni interkonatiĝis?

— Verŝajne li bedaŭras, ke li ankaŭ ne ĉeestas kun la kuzinoj kaj kun la bofilo ricevinta libertempon.

Mallonga fajfo, trumpeta sono kaj longa, elnaza: „preta“ ekirigis la vagonaron. Unu momenton la staciestro pensis pri la haltigo de la vagonaro, sed la penso pri la respondeco ne lasis lin.

— Kiu vi estas, sinjoro, de kie vi konas min tiel bone?

— Dio helpu vin! Andreo, junulo, ĉu vi tiom stultiĝis? — Kaj la vagonaro ekmoviĝis.

— Sinjoro!...

— Vi stultiĝis? Vi stultiĝis! — kriis Bucŝan el la fenestro.

Andreo Jonescu, kun la ruĝa ĉapo en unu mano, kaj per la alia viŝante la ŝviton de sur la vizaĝo pli ruĝa ol la ĉapo,[4] komencis kuregi post la vagonaro, petegante Bucŝanon, ke li diru sian nomon. Tamen ĉio estis vana. Je la plezuro de la vojaĝantoj kaj de la doktoro, la vagonaro ekrapidis. Andreo restis malantaŭe, kvazaŭ fulmtrafita, rigardante la poŝtukon malproksimiĝantan simile al papilio.

La stacidomo restis malgaja, dezerta. Servisto balais la peronon. Monotone frapetis la telegrafilo. De tempo al tempo sonis la nigra sonorilo apud la horloĝo por sciigi preterpason de vagonaro, kaj ĉiufoje ŝajnis al Andreo, ke iu trapikas najlon tra lia koro. La vagonaro ĝi estis kun la nekonato, kiu tiel bone konis lin kaj pri kiu li ne povas rememori.

Nervoze li iradis, penante rememori ĉiujn lokojn, kiujn li vizitis, ĉiujn homojn, kiujn li konis, laŭvice li pensis pri oficejoj, vendejoj, kie li ion aĉetis, sed vane. Li ne povis trovi la vizaĝon de tiu nekonato.

Post kelkaj tagoj, tagoj de suferado kaj ekscitiĝo, li forgesis la vizaĝon de la nekonata homo en la vagonaro. Dika nebulo lokiĝis sur ties vizaĝon kaj ĝi malaperis ĉiuminute; por refreŝigi la memoron, li iris tien, kie okazis la okazintaĵo kaj levante la okulojn supren, li kredis, ke ili ankoraŭ interparolas.

Iom post iom la figuro de Bucŝan tute viŝiĝis el la suferanta menso de la staciestro kaj ĝi malaperis, kiel malaperis la vagonaro ĉe la vala kurbiĝo, irante al la Danubo.

Ĉiutage li atendas la vagonarojn venantajn de malsupre, eble li retrovos lin, kaj li ĵuras, ke tiun fojon li ne ekirigos la vagonaron antaŭ ol li eksciis, kiu li estas.

Nokte li terure turmentiĝas por rememori la figuron de tiu, kiu tiel bone lin konas. Multfoje, sonĝante, uragane li ĵetas sin en la estintecon, li ekprenas iun, alportas lin al klara lumo, rigardas lin, sed apenaŭ rekonante lin, li vekiĝas

kaj en la matena lumo, kiu disigas lian lastan esperon, li aŭdas voĉon, kiu mallaŭte flustradas de malproksime:

— Andreo, junulo, vi stultiĝis, vi stultiĝis!...

El la rumana: *S. P.*

*

*A. de Herz,* eminenta verkisto rumana, naskiĝis en 1887. en Bukuresto.

El liaj teatraĵoj ni povas citi „Paianjenul" (La araneo) sukcese ludita sur la scenejo de l' bukuresta Nacia Teatro. La plej nove luditaj estas „Marĝeluŝ (Perleto) kaj Duceritorul" (La konkiranto) dum longa tempo prezentita en Rumanio. Baldaŭ oni prezentos de la sama aŭtoro: „Omuj de zapada" (La neĝhomo). Sinjoro *Herz* estas la plej lerta el la nunaj rumanaj aŭtoroj de komedioj. Kun humorplena satiro li kreis tipojn, en kiuj li akre atakas la modernajn senmoralajn kutimojn.

Inter liaj skizoj plej bone sukcesis: „Ŝeful garei" (La staciestro), „Perdeaua" (La kurteno), „Audienta" (La aŭdienco) k. a. La karakteriza trajto de liaj skizoj estas la simpla maniero, per kiu li kreas kaj redonas la diversajn homajn tipojn. Unu el liaj poemoj „Ravaŝ de nunta" (Letero je ŝia edziĝfesto) estas muzikumita kaj fariĝis populara romanco.

Sinjoro A. de *Herz* estas la literatura gvidanto de ĵurnalo *Dimineata* (La mateno) kaj redaktanto de la semajna revuo *Adeverul Literar* (La vero literatura) en kies kolonoj ofte aperas tradukaĵoj el la esp. literaturo.

*G. Bugariu* (Bukuresti)

# LA GLACI-MALVARMULO

MOJSE TAJĈ



Kiam ŝi konvinkiĝis, ke li neniam atentas ŝiajn nigrajn brilantajn okulojn, nek ŝiajn marmorajn, kvazaŭ de artisto skulptitajn, duonnudajn brakojn, ŝi foje haltigis lin ĉe kruciĝo de du bruantaj stratoj, kaj alparolis:

— Pala homo, via korpo estas malgrasa, viaj okuloj brulas kaj la vestoj sur vi estas ĉifonitaj... Mi amas vin, kiel mian vivon, kunprenu min en vian loĝejon — servistino via mi estos.

— Bela infano — li ekturnis sian brulan rigardon al ŝi — tro alta estas mia loĝejo por vi... Turniĝos via kapo kaj ekdoloros la piedetoj... Kion mi faros kun vi en la supro?

— Pala homo, eĉ se via loĝejo estos sub la nuboj, mi pretas vin sekvi... Kaj se ekdoloros la piedoj, mi iros sur la manoj; mi volas vivi kun vi en la supro.

— Bela infano, malgranda estas mia ĉambro, kaj malordo regas en ĝi... Mi havas tie plenan ĉielon sed malmulte da pano... Ne penetras tien la bruado de la veturilradoj, la tumulto de la marĉandado, kaj la homoj aspektas de malsupre kiel pigmeoj, kaj la domoj, kiel malliberejoj.

— Pala homo, mi volas vivi kun vi en la supro, eĉ se tio kostus mian vivon

Kaj respondis je tio la palulo kun la brulantaj okuloj:

— Se via deziro estas tiel granda kaj forta, mi permesas al vi sekvi min.

Ĉirkaŭe vidiĝis nur tegmentoj de malsupre kaj ĉielo de supre — tutaj pecoj de blua ĉielo pendis kiel kurtenoj, kaj pli malproksime estis senlimaĵo. La pala homo sidadis ĉe la tablo, tenis la plumon inter la fingroj, la kapon apogis sur la manon kaj liaj okuloj brulis... Kaj ŝi, la belulino, la suferantino staris malproksime kaj obeis lian plej bagatelan ekdeziron, atentis lian plejmalgrandan ekmovon. Si riparis liajn vestojn, kaj kisis liajn brulantajn okulojn kaj li ĉiam sidadis kaj skribadis. La skribitaĵon ŝi kutimis porti malsupren, al la homoj, kaj interŝanĝadis ĝin je pano kaj sukero, kaj per tio servicis la tablon.

Kaj malsupre lia nomo famiĝis tra urboj kaj regnoj. Sed pri tio li ne sciis, aŭ ne volis scii...

Kaj kiam alvenis la aŭtuno, kaj la klara ĉielo kovriĝis per grizplumbaj nuboj kaj pluveto ekgutis, ektiklis ŝia koro kaj ŝi ekparolis al la amato:

— Kien malaperis nia ĉielo? Mi vidas ĉirkaŭe nur grizan nubaron.

— Mi portas mian ĉielon en la kapo — li respondis.

— Kaj mi volas ĝin porti en mia koro — apenaŭ elflustris ŝiaj lipoj.

Sed li plu ne atentis ŝiajn parolojn kaj ŝin ne komprenis.

Ŝi estis silentanta dum la tuta aŭtuno.

Kaj kiam venis la vintro, kaj ŝi frostotremis, en bela stelradia nokto ŝi ekplendis:

— Estas al mi malvarme... baldaŭ mi estos frostiĝanta...

Kaj ŝiaj dentoj klakadis pro malvarmo.

Tiam li respondis en la frosta stelluma nokto:

— Viaj dentoj klakadas, kaj vi malhelpas mian laboradon. Kaj mia laboro estas granda kaj grava: mi kolektas sur la papero la orajn stelojn de la frosta stelplena ĉielo por la estontaj generacioj.

Kunpremis ŝi la dentojn kaj kunmordis la lipojn, por ke ŝi ne malhelpu lian laboradon eĉ per susuro Kaj ŝi tiam ne malamis lin en sia koro — male... la amo pligrandiĝis ĉiutage...

La printempon ŝi travivis kiel birdeto, kaj disvolviĝis, kiel floro.

En unu de la belaj amplenaj vesperoj ŝi malkaŝis al li sekreton:

— Mia plejamato, la printempo respegulas sin en la aero kiel klarpura fonto, kaj mia koro ŝiriĝas el la bordoj, kiel la rivereto en la valo: mi volas havi de vi idon...

Kaj li respondis al ŝi:

— Bonulino kaj fidelulino, la suferoj de naskantino estas tre grandaj. Vi krios pro doloroj

kaj erarigos mian laboron kaj malbonfaros al la mondo...

Ŝi diris:

— Se la suferoj estos grandaj, mi kunpremos la lipojn kaj ne eligos ĝemspiron kaj ne malhelpos vin en via utila laborado... Mi volas havi de vi idon...

Kaj ŝi havis de li infanon.

Forpasis semajnoj kaj monatoj kaj tiam ŝi refoje sin turnis al li:

— Mia amato, ĝis nun mi ankoraŭ ne scias vian nomon, kaj mi ne scias, kiu vi estas... Mi sentas, ke vi estas granda. Mi volas scii, kion mi diru al mia filo, kiam li plenkreskos kaj min demandos, kiu estis lia patro.

— Mian malnovan nomon mi forgesis... Erarvaginte en la monddezertoj mi perdis ĝin... Kaj mia nova nomo sonos fremde en via orelo kaj nenion diros al via koro...

— Kaj tamen mi volas scii vian nomon... La tuta mondo scias ĝin, sole al mi — al la patrino de nia ido — ĝi estu nekonata?...

— Mia nomo estas — la *glaci-malvarmulo*. Vi ektremis? Vi, malfortulino!...

— Mi plifortigos min... mi plifortigos min...

Kaj tutajn monatojn ŝi plifortigadis sin, sed ŝiaj fortoj pli kaj plimalgrandiĝis. Io ŝin ofte estis timiganta kaj la koro komencis frostiĝi... Ĉiutage plikreskis la timo kaj ŝi ree alparolis la palulon:

— Mia pala edzo, via nomo sonoras tra multe da mondoj, ĉiuj parolas pri vi kaj ĉiuj — mi aŭdis — admiras vin... Laŭtlegu ion, pri kio vi skribas por la mondo.

Kaj la palulo legis de la loko, kie li estis haltinta: „... Kaj vidiĝis verdaj kampoj, arĝentaj riveroj, kampoj kun matura greno, kaj restis nur unuopuloj sur la mondo, kaj la unuopuloj loĝis en la supro kaj ĉiuj ceteraj estis sklavoj... Ili falĉadis la grenon kaj muelis la tritikon, kaj glutis ĉiun vorton de la homoj loĝantaj en la supro..."

— Vi, pala patro de mia infano, mi ne komprenas vin... Per kio mi valoras malpli ol tiuj, loĝantaj tie, malsupre?...

— La subuloj ankaŭ ne komprenas min — respondis la glaci-malvarmulo kaj lia vizaĝo ankoraŭ plipaliĝis — ili eraras...

— Por kiu do vi vivas? ŝi apenaŭ kuraĝis demandi.

— Por la estontaj generacioj, alvenontaj...

Kaj post momento li aldonis:

— Malfortulino, vi malhelpas min en la laborado per viaj demandoj!...

— Ankoraŭ unu demandon, mia estro kaj mi mutiĝos.

— Demandu, mi pretas vin respondi.

— Kion vi faros kun mia infano postkiam mi estos mortinta?

Kaj ŝia voĉo tremis.

Sed lia voĉtono sonoris firme kaj decide:

— Mi portos lin malsupren, por ke li tie vivu... Se li havos sufiĉe da forto, li mem leviĝos supren; se ne — li restos inter la sklavoj...

Senforte ŝi falis sur la liton:

— Ho, vi amata, vi, glaci-malvarmulo!...

Kaj ŝi grave malsaniĝis. Ŝi kunpremis la lipojn kaj ne eligis eĉ unu ĝemkrion, por ke ŝi ne malhelpu lin en la laborado. La infanon ŝi mamnutris per sia malsana venena lakto kaj murmuretis:

— Tro malvarma estas por vi la mondo, mia animeto... iru kun mi.

Kaj ambaŭ ili mortis ĉirkaŭpreniĝintaj. Eĉ spiro ne aŭdiĝis en la supro, sole en la anguletoj de l'ĉambro erarvagis sono, kvazaŭ birdeto elpepus el la malvarmaj lipoj:

„Ho, la glaci-malvarmulo!"

Kaj li... li sidis turninta sian dorson al la mortintoj kaj rapidis priskribi por la venontaj mondoj, kiel mortas malfortaj infanoj, kiuj spiras la aeron de l'supro...

*El la juda: I. Jurysta*

---

# DEK PAĜOJ EL „LA LEONO DE FLANDRO"

**ROMANO DE HENDRIK CONSCIENCE**

*Hendrik Conscience*, flandra romanisto kaj novelisto, naskiĝis en la jaro 1812. en Antwerpen (Belgujo), servis kiel memvolulo en la milito kontraŭ Nederlando (1830), sed baldaŭ revenis en la burĝan vivon. Lia unua romano: *„En la mirinda jaro"* (1596), estis ricevata kun entuziasmo. Lia plej fama verko estas: *„La Leono de Flandro"*, aperinta en 1838, kiam li estis apenaŭ dudekkvinjara. Li verkis nombron da noveloj: *„La rekruto"*, *„La fera tombo"*, *„Kion patrino povas suferi"*, *„La onklo de Felix Rvobeck"*, *„Mono kaj nobeleco"* ktp. En 1847 li fariĝis instruisto de la belgaj princoj. Lia novelo: *„La malriĉa nobelo"* estis kiel teatraĵo ludata en la belgaj teatroj. Ĉe la apero de lia *centa* verko, okazis granda festo en Nederlando. En Antwerpen staras statuo je lia honoro. Conscience mortis en 1883 kaj estas rigardata kiel la fondinto de la flandra lingvo.

*

## Ĉapitro I.

La ruĝa matensuno brilis malhele en la oriento kaj estis ankoraŭ ĉirkaŭita de vesto el noktonuboj, dum ĝia sepkolora bildo brile sin spegulis en ĉiu rosero. La bluaj vaporoj de la tero pendis kiel forprenebla teksaĵo sur la arbopintoj, kaj la kalikoj de disvolviĝantaj floroj sin malfermis por ricevi la unuan radion de la taglumo.

Aro da kavaliroj rajdis senparole tra la kampoj de *Rousselare* (urbeto en la okcidenta Flandro). La klak-tintado de iliaj ekipaĵoj kaj la pezaj paŝoj de iliaj ĉevaloj ektimigis la pacemajn loĝantojn de la arbaroj; ĉar de tempo al tempo cervo sin ĵetis el la arbetaĵo kaj forkuris pli

rapide ol vento antaŭ tiu ĉi alproksimiĝanta danĝero.

La vestaĵo kaj la armiloj de ĉi tiuj kavaliroj estis tiel multekostaj, ke ĉe la unua ekrigardo oni povis diferencigi inter ili dukojn kaj ankoraŭ pli altrangajn sinjorojn. Silka *„kolder“* (mantelo sen manikoj) pendis en belaj faldoj ĉirkaŭ la korpoj, dum arĝentumita kasko kun purpuraj kaj lazuraj plumoj kovris ilian kapon. Iliaj gantoj, kovrita de feraj platetoj kaj iliaj genukirasoj inkrustitaj per oro, brilis en la lumo de la mateno. La ŝaŭm-kovritaj ĉevaloj premis malpacience la bridon inter la dentoj kaj la arĝentaj butonoj kaj silkaj penikoj moviĝadis dolĉe inter ilia jungilaro.

Kvankam la ekipaĵo de tiuj ĉi vojaĝantoj ne taŭgis por militiro, ĉar ili ne portis armaĵojn, oni sufiĉe bone povis ekvidi, ke ili estis sin armintaj kontraŭ malamikoj, ĉar la manikoj de iliaj fermaŝaj tunikoj elstaris el la brustovesto. Grandaj glavegoj pendis de la seloj kaj la armilservistoj portis grandajn ŝildojn post siaj mastroj. Ĉiu kavaliro havis sian blazonon brodita n sur la brusto, tiel, ke oni tuj povis ekkoni la nobelan familion de ĉiu. La malvarmo de la mateno forprenis de ĉiu la deziron paroli; la premanta nokt-aero troŝarĝis iliajn palpebrojn; kun peno ili kontraŭbatalis la trudeman duondormon kaj restis dronintaj en dormetanta apatio.

Juna viro iris antaŭ ili sur la vojo. Longaj ondantaj haroj pendis sur liaj larĝaj ŝultroj; bluaj brilantaj okuloj brulis kiel flamoj sub liaj brovoj kaj sur lia mentono krispiĝis mola barbo. Lana brustvesto kun rimeno estis lia vestaĵo kaj kruĉtranĉilo en leda ingo estis lia armilo.

Estis videble sur lia vizaĝo, ke la societo, kiun li servis kiel kondukanto, ne estas al li agrabla. Io sekreta, sen ia dubo, sin kaŝis en lia animo, ĉar ofte li ŝtele direktis la okulojn oblikve al la kavaliroj. Longa je staturo kaj eksterordinare forta je korpomembroj, la juna viro iris antaŭen tiel rapide, ke la ĉevaloj nur kun penaj paŝoj sekvis lin.

Post kiam la aro antaŭenpaŝis kelkan tempon, la ĉevalo de unu el la kavaliroj faletis kontraŭ trunko de hakita arbo kaj sin klinis neatendite ĝis la tero. Per tio la kavaliro falis kun la brusto sur la nukon de sia ĉevalo kaj preskaŭ elseliĝis.

— Kio estas tio? — li ekkriis franclingve. — Mia ĉevalo dormas sub mi!

— Sinjoro de Chatillon, — ridante respondis lia akompananto — mi certe opinias, ke unu el vi ambaŭ dormis.

— Jam ĝoju je mia akcidento, mokanto! — diris de Chatillon. — Mi ne dormis. Pli ol du horojn mi fiksas miajn okulojn al tiuj ensorĉitaj turoj, kiuj ĉiam pli kaj pli malproksimiĝas. Sed pli baldaŭ oni vidus sin sur pendigilo ol ekhavi unu vorton el via buŝo.

Dum la du kavaliroj ŝerce tiel sin alparolis, la aliaj ĝoje ridis pro la akcidento kaj la tuta aro subite vekiĝis el sia duondormo.

De Chatillon, kiu refoje restarigis sian ĉevalon, vidante, ke oni ne ĉesas ridadi, tiel ekkoleris, ke en terura maniero li pikis la ĉevalon en la ventron per la akra sprono. Per tio la besto strariĝis furioze sur la postaj piedoj kaj fine kiel ĵetlanco ĝi rapidis tra la arbaro. Je distanco de malpli ol cent paŝoj ĝi kuregis kontraŭ trunko de dika kverko kaj falegis teren terurege vundita.

Feliĉe por de Chatillon, ke li dum la ekpuŝego flankensaltis el la selo. Malgraŭ tio li sentis doloron en la lumboj kaj momenton li restis kuŝanta senmove.

Tuj post kiam la aliaj alrajdis al li, ili deĉevaliĝis kaj kompate levis lin de la tero. La kavaliro, kiu antaŭ kelka tempo ŝerc-parolis al li, ŝajnis nun senti la plej grandan maltrankvilon, ĉar lian vizaĝon kovris la esprimo de vera malĝojo.

— Kara de Chatillon, — li ĝemdiris — mi kompatas vin fundkore. Pardonu al mi miajn senpripensajn vortojn, mi ne intencis insulti vin.

— Lasu min trankvila! — ekkriis de Chatillon, liberigante sin el la brakoj de siaj kunuloj. — Mi ne mortis ankoraŭ, sinjoroj. Ĉu vi pensas, ke la Carazenoj indulgis min por tio, ke mi mortu ĉi tie kiel hundo en la arbaro? Ne, dank' al Dio, mi vivas ankoraŭ! sed sciu St. Pol, vi pagus al mi senprokraste ĉi tiun mokaĵon, se mi povus venĝi min kontraŭ vi.



Gustav Wentzel: Knabinoj hejmenirantaj el la lernejo

— Rekvietiĝu, mi petas vin — respondis de St. Pol. — Ĉu vi estas vundita, mia frato? Sango gutetas el via fermaŝa tuniko.

De Chatillon suprenŝovis la manikon de sia dekstra brako kaj ekvidis, ke branĉo estas skrapvundinta lian haŭton.

— Jes! — li diris trankvile — estas negrave — nur skrapvundeto... Sed mi kredas, ke tiu flandrano intence kondukis nin en ĉi tiujn ensorĉitajn vojojn! Mi ekscios tion — kaj mi perdu mian nomon, se mi ne pendigos lin sur tiu malbenita arbo.

La flandrano, kiu aŭdis tiujn vortojn, ŝajnigis, ke li ne komprenas la francan lingvon kaj kuraĝe rigardis al Chatillon en la okulojn.

— Miaj sinjoroj — ekkriis la kavaliro — vidu, kiel tiu eksservutulo rigardas min... Venu ĉi tien, viraĉo! Alproksimiĝu tuj antaŭ min.

La juna viro malrapide alproksimiĝis, konstante fiksante la okulojn al la kavaliro. Io stranga glitis sur liaj trajtoj; — esprimo, en kiu sin kaŝis kolero kaj ruzo, io tiel minaca kaj sekreta, ke emocio de timego ekkaptis de Chatillon.

Unu el la ĉeestantaj kavaliroj sin turnis kaj forlasis la lokon, kie ĉio ĉi tio estis okazinta; li malproksimiĝis kelkajn paŝojn inter la arbojn kaj montris klare, ke ĉi tiu sceno ne plaĉas al li.

— Ĉu vi volas diri al mi — demandis de Chatillon la gvidanton — kial vi kondukis nin laŭ tiaj vojoj kaj kial vi ne avertis nin, ke dehakita arbo kuŝas tie?

— Sinjoro — respondis la flandrano en kripligita franca lingvo —, mi ne konas alian vojon al la kastelo *Wynendaal* kaj mi ne sciis, ke plaĉis al via moŝto dormi en ĉi tiu horo.

— Trokuraĝulo! — ekkriis al li de Chatillon — vi ridas, — vi mokas min... He! knaboj miaj, pendigu tiun eksservutulon en la aero, por ke la korvoj manĝu lin!

— Pendigi flandranon!? — li grumblis — atendu momenton! — Li posteniris kelkajn paŝojn, stariĝis kun la dorso kontraŭ arbo, suprenŝovis la manikojn de sia brustonesto ĝis la ŝultroj kaj eltiris sian brilantan kruĉtranĉilon el la ingo. La rondaj muskoloj de liaj nudaj brakoj streĉiĝis kaj lia vizaĝo esprimis ion, kio karakterizas la leonon.

— Ve al tiu, kiu tuŝos min! — li ekkriis fortvoĉe. — La korvoj de Flandro ne manĝos min, ili prefere manĝas francan karnon!

— Ataku lin, timuloj! — ekkriis de Chatillon al siaj armilservistoj, — ataku lin do! Rigardu tiujn malkuraĝulojn! — Ĉu vi timas tranĉilon? Mi dezirus, ke mi povus malpurigi miajn manojn per tiu eksservutulo; sed mi estas nobela. Popolaĉo kontraŭ popolaĉo; tio estas via tasko. Renversu lin do!

Kelkaj el la kavaliroj klopodis kvietigi de Chatillon, sed la plej multaj aprobis lian agadmanieron kaj volonte estus vidintaj la flandranon pendantan je ŝnuro. Sendube la armilservistoj, instigitaj de sia mastro, estus kaptintaj kaj venkintaj la junan viron; sed nun alproksimiĝis la kavaliro, kiu je kelka distanco estis rajdinta tien kaj reen, droninta en pensojn. Liaj vestaĵo kaj ekipaĵo multe superis, laŭ beleco, tiujn de la aliaj kavaliroj; la blazono inkrustita sur lia brusto portis tri orajn liniojn sur blua fono sub duka krono. Tiu indikis, ke li devenas de reĝa sango.

— Haltu! — li ekkriis kun severa vizaĝo al la soldatoj kaj sin turnante al de Chatillon, li diris:

— Sinjoro!... ŝajnas al mi, ke vi forgesis pri tio, ke mi, kiel feŭda sinjoro, ricevis Flandron de mia frato kaj reĝo, Philippe. La flandrano estas mia regato. Vi ne povas disponi pri lia vivo, ĉar li apartenas nur al mi.

— Ĉu do mi devas lasi moki min de tia viraĉo? — kolere demandis de Chatillon. — Vere, duko, mi ne komprenas, kial vi ĉiam favoras la popolaĉon kontraŭ nobeloj. Ĉi tiu flandrano sin gloras ke li senpune mokofendis francan kavaliron. Kaj vi, sinjoroj, diru, ĉu li ne meritas la morton.

— Sinjoro deValois — respondis de St. Pol — donu al mia frato la konsolon vidi tiun flandranon pendanta. Kiom povas esti al via princa moŝto la vivo de tiu obstina eksservutulo?

— Aŭdu, sinjoroj — kolere ekkriis Charles deValois — via parolo estas al mi plej malagrabla. La vivo de regato estas grandvalora laŭ mia opinio kaj mi deziras, ke oni lasu trankvila tiun junan viron. Surĉevaliĝu, sinjoroj! Ni perdis jam tro multe da tempo.

— Nu, de Chatillon — grumblis de St. Pol al sia frato — metu vin sur la ĉevalon de via armilservisto kaj ni iru, ĉar sinjoro deValois estas nekonvertebla popolano.

Dume la armilservistoj eningigis siajn armilojn kaj estis antaŭen kondukantaj la ĉevalojn de siaj mastroj.

— Ĉu vi estas pretaj, sinjoroj? — demandis deValois — do vigliĝu, mi petas, ĉar alie ni alvenos tro malfrue por partopreni la ĉasadon. Vi, kondukisto, iru fanken, avertu nin, kiam ni devas vojŝanĝi. — Kiel malproksime ni estas de Wynendaal?

La juna viro prenis respekte la ĉapon de sia kapo, sin klinis antaŭ sia savinto kaj respondis:

— Preskaŭ unu horon piedire, sinjoro.

— Mi tute ne fidas tiun viron! — diris St. Pol. — Mi kredas, ke vulpo sin kaŝas sub tiu ŝafofelo.

— Tion ni jam pensis longan tempon — respondis kanceliero Pierre Flotte — ĉar li rigardas nin kiel vulpo kaj aŭskultas kiel leporo.

— Ha, ha! nun mi scias, kiu li estas — ekkriis de Chatillon. — Ĉu vi iam aŭdis paroli pri teksisto, nomata Peter de Coninck, loĝanta en Brugge?

— Sinjoroj, vi trompiĝas — rimarkis Raoul de Nesle —, mi mem parolis kun tiu fifama teksisto en Brugge kaj kvankam li superas ĉi tiun pri ruzo, li posedas nur unu okulon kaj nia

li kondukanto havas du plej grandajn. Sendube amas la maljunan grafon de Flandro kaj per malicaj okuloj rigardas nin kiel konkirantojn. Pardonu al li la fidelecon, kiun li gardas por sia malfeliĉa grafo . . .

— Ni jam sufiĉe longe parolis pri tio, sinjoroj — interrompis lin de Chatillon. — Ni ŝanĝu la temon. Nu do! . . . Ĉu vi scias, kion lia reĝa moŝto, Philippe, faros kun ĉi tiu Flandro? — ĉar je mia honoro! se nia reĝo tenus tiel malfermita sian ŝtatan kason, kiel de Valois sian buŝon, oni vivus malriĉe ĉe la kortego.

— Trafe dirite — respondis Pierre Flotte — sed li ne estas silentema al ĉiu, malrapidigu iom la iradon de viaj ĉevaloj, sinjoroj, kaj mi komunikos al vi ion, kion vi ankoraŭ ne scias.

La kavaliroj pro scivolemo alproksimiĝis unuj post la aliaj kaj lasis rajdi iom antaŭ si la dukon kaj de Valois. Kiam ili estis je sufiĉe granda distanco kaj la du kavaliroj ne povis kompreni liajn parolojn, la kanceliero ekparolis:

Aŭskultu . . . Nia glora reĝo Philippe-le-Bel ne havas plu monon. Enguerrand de Marigny kredigis al li, ke Flandro estas or-mino kaj eble li pravas; ĉar en la lando, kie nun ni troviĝas, estas pli da oro kaj arĝento ol en tuta nia Francujo.

La kavaliroj ridetis kaj kapjesis multfoje por signo de samopiniado.

— Aŭskultu plue — daŭrigis Pierre Flotte — nia reĝino Johanna koleris en plej alta grado kontraŭ la flandranoj, ŝi neesprimeble malamegas ĉi tiun fieran popolon. Mi aŭdis ŝin diri, ke ŝi dezirus vidi la lastan flandranon je la pendigilo.

— Tia esprimo decas al reĝino! — ekkriis de Chatillon. — Se iam mi fariĝos mastro de tiu ĉi lando, kiel mia glora nevino promesis al mi, mi plenigos ŝiajn ŝtatajn kofrojn, mi neniigos Peter de Coninck, la metiojn, la gildojn kaj tutan ĉi tiun popol-regadon. Sed kiel tiu trokuraĝa eksservutulo subaŭskultas nian interparoladon!

La flandrano estis alproksimiĝinta kaj avide aŭdinta la parolojn de la kavaliro. Tuj post kiam oni ekatentis pri li, li iris ridetante inter la arbojn de la arbaro, ekhaltis je kelka distanco kaj eltiris sian tranĉilon.

— Sinjoro de Chatillon! — li ekkriis minacante, — rigardu ĉi tiun tranĉilon, por ke vi rekonu ĝin, kiam ĝi glitos inter viaj kolo kaj nuko.

— Ĉu estas ĉi tie neniu el miaj servistoj, kiu venĝos min? — furioze kaj laŭte ekkriis de Chatillon.

Apenaŭ li eldiris tiujn vortojn, tuj forta korpogardisto desaltis de sia ĉevalo kaj kuris kun nuda glavo al la juna viro. Ĉi tiu, anstataŭ defendi sin per sia tranĉilo, eningigis ĝin kaj kun pugnitaj manoj atendis sian malamikon.

— Vi mortos, malbenita flandrano! — ekkriis la korpogardisto, direktante al li sian armilon.

La juna viro ne respondis, sed fiksis siajn grandajn okulojn kiel du flamantajn sagojn al la korpogardisto. Ĉi tiu, tuŝite ĝis la animo per la forteco de tiu rigardo, ekhaltis momenton kvazaŭ la kuraĝo estus lin forlasinta.

— Trapiku lin! trapiku lin! — ekkriis al li de Chatillon.

Sed la flandrano ne atendis la alproksimiĝon de sia malamiko: li saltis flanken por eviti la glavon, ekkaptis la korpogardiston per siaj fortaj manoj ĉe la talio kaj svingante lin, ekbatis lian kapon kun tiom da forto al arbo, ke li falis senkonscie. Lasta krio de agonio resonis tra la arbaro, kaj la franco por ĉiam fermis la okulojn, dum liaj membroj konvulsie tremetadis. Malice ridetante, la flandrano sin klinis ĝis la orelo de la mortigito kaj moke ekkriis:

— Iru diri al via mastro, ke la karno de Jan Breydel ne estas destinita por korvoj. Ili manĝu tiun de la fremduloj!

Dirinte tion li iris inter la arbetaĵojn kaj malaperis en la densaĵo de la arbaro.

La kavaliroj, starantaj sur la vojo kaj vidantaj kun teruro ĉi tiun okazintaĵon, ne havis tempon direkti al si reciproke kelkajn vortojn; sed tuj post kiam pasis ilia mirkonsternego, de St Pol diris:

— Vere, mi kredas, frato, ke vi havas aferon kun sorĉisto, ĉar ĉi tio ne estas laŭnatura.

— Ensorĉita lando! — respondis malĝoje de Chatillon. Mia ĉevalo rompis sian nukon, kaj mia fidela korpogardisto pagos tion per sia vivo!

— Estas malfeliĉa tago . . . . . Armilservistoj, levu la korpon de via kamarado; penu porti ĝin al la plej proksima vilaĝo; oni enterigu lin tie . . . Mi petas vin, sinjoroj, ke la duko de Valois nenion eksciu pri ĉi tiu akcidento.

— Ho, mi komprenas tion! — respondis Pierre Flotte.

— Sed, sinjoroj, rapidu, ĉar jen inter la arboj mi vidas malaperi sinjoron de Valois.

Ili malstreĉis la kondukilojn de la ĉevaloj kaj alvenis baldaŭ al la duko, sia generalo. Ĉi tiu rajdis malrapide plue, tute ne atendante ilian alproksimiĝon. Lia kapo kun la arĝentumita kasko kliniĝis antaŭen en meditado, kaj lia fera ganto tenanta la kondukilon ripozis indiferente sur la kolharoj de la trotanto; lia alia mano ĉirkaŭtenis la tenilon de la glavego, pendanta ĉe la selo.

Dum li tiel dronis en pensoj, kaj la aliaj kavaliroj intence ŝercis pri lia malĝojo, la kastelo Wynendaal kun siaj altegaj turoj kaj gigantaj remparoj subite sin montris antaŭ ili.

— Noel! — ekkriis Raoul de Nesle kun ĝojo, — jen la fino de nia vojaĝo. Ni vidas Wynendaal spite al la diablo kaj al la sorĉaĵo!

— Mi dezirus vidi ĝin bruli — grumblis de Chattilon, ĝi kostas al mi ĉevalon kaj fidelan serviston.

La kavaliro portanta la liliojn sur la brusto nun sin turnis kaj ekparolis:

— Sinjoroj, ĉi tio estas la restadejo de la malfeliĉa Gwyde de Flandro —, la restadejo de patro, al kiu oni rabis lian infanon, kaj kies

landon ni konkiris per la sukceso de niaj armiloj. Mi petegas vin, ne montru al li, ke vi venis kiel konkirintoj kaj ne pligrandigu liajn suferojn per fieraj vortoj.

— Sed, duko de Valois — ekkriis akratone de Chatillon, — ĉu vi pensas, ke ni ne konas la leĝojn de la kavalireco? Ĉu vi ne scias, ke decas al franca kavaliro konduki grandanime post la venko?

— Mi aŭdas, ke vi scias tion, — respondis de Valois emfaze. — Mi petas vin, agu tiel. La honoro ne konsistas el vortoj, sinjoro de Chatillon! Al kio utilas ke la leĝoj de la kavalireco kuŝas sur la lango, se ili ne estas skribitaj en la koro! Kiu ne estas grandanima al siaj subuloj, tiu ne povas esti utila al sia samrangulo.

De Chatillon ekkoleris post tiu riproĉo kaj sen dubo estus eksplodinta per flamaj vortoj; sed lia frato, de St. Pol retenis lin murmurante mallaŭte:

— Silentu, de Chatillon, nia generalo pravas. Estas juste, ke ni ne kaŭzu pluan doloron al la multaĝa grafo de Flandro. — Li estas jam tro malfeliĉa.

— Tiu malfidela vasalo kuraĝis deklari la militon al nia reĝo, kaj tiel tedincitis nian nevinon Johanna de Navarra, ke tio preskaŭ malsanigis ŝin kaj ni devos kompati kaj indulgi lin!

— Sinjoroj! — refoje ekkriis de Valois, — vi konas mian deziron. Mi ne kredas ke mankos al vi grandanimeco. — Nun antaŭen! Mi aŭdas la hundojn bojadi, oni jam ekvidis nin, ĉar la ponto malleviĝas, kaj la baro-krado* sin levas.

La kastelo Wynendaal, konstruita de la nobla grafo Gwyde (Guy) de Flandro, estis unu el la plej belegaj kaj fortikaj konstruaĵoj, tiutempe ekzistantaj. El la larĝaj fosegoj, kiuj ĉirkaŭis ĝin, supreniris dikaj muregoj; multaj elstarantaj gardejoj pendis sur ili. Antaŭ la murtruoj oni povis distingi la okulojn de la arbalestistoj kun la pintoj de la feraj sagoj. Inter la remparoj sin levis la tegmentoj de la grafa domo kun la svingiĝantaj ventoflagoj. Ses rondaj turoj staris ĉe la anguloj de la muroj kaj en la mezo de la antaŭkorto; el ili oni povis per tiuj ĵetiloj trafi la malamikon sur la kampo kaj malhelpi al li la alproksimiĝon al la kastelo. Unu sola ponto kunigis tiun ĉi fortikan insulon kun la ĉirkaŭkuŝantaj valoj.

Tuj kiam la kavaliroj alvenis, la gardistoj super la pordego donis signon al la interna gardisto, kaj baldaŭ la pezaj pordegoj knaris sur siaj hokoj. La piedoj de la ĉevaloj bruegis resonante sur la ponto kaj la kavaliroj enrajdis inter du vicoj de flandraj militistoj en la kastelon. La pordegoj fermiĝis post ili, la baro-krado kun siaj feraj pintoj malleviĝis kaj la pordo sin levis malrapide.

El la flandra: *H. Bulthuis*

* barokrado (storm-egge) estis pordego, kiun oni povis mallevi inter du foldoj. Gi mallevigis antau la unua pordego kaj estis provizita per longaj pintaj najloj.

---

# EMBARASA MALKOMPRENO

TE KAIAKA

La riproĉon, en ĉiuj detaloj, meritas sole Gus. Lia plena nomo estas Augustus Granby Lorimer, sed tio aspektas kiel okaza. La afero staras multe pli serioze — li estas mia plej aĝa frato, dek jarojn pli aĝa, ol mi, Sylvester Lorimer. Mi ne scias kial, sed evidente tiu ĉi fakto instigis lin rilati al mi kun malsufiĉa respekto. „Kaprido“ — li elektis por mi la nomon en mia frua juneco. kvankam ĝi difinis min ne tro bonvene por nia subtila angla hejmo. Iom poste, kiam mi venis en lian lernejon, li komencis nomi min „Sylly“ kaj kelkfoje, kiam lin ĉirkaŭis la amasiĝintaj samklasanoj, li uzis tre incitan kombinaĵon de la du titoloj. [1])

Tio tute ne signifas, ke Gus malplaĉis al mi. Li havis ankaŭ liajn bonajn flankojn. En la kondutlibroj de la lernejo lia plena nomo akiris honoran mencion. Li estis sin distinginta kiel „half-back“ kaj naĝisto — kvankam min tiuj aferoj malmulte allogis; kaj en la sciencaj lecionoj li estis senfine premiata.

Mi devas rimarki ke la Lomirer'oj ĉiam havis sciencajn aspirojn — nia praavo eltrovis ion rimarkindan pri la eklipsoj kaj por vidi mian patron, nian hejmon ofte vizitis bruaj amasoj de profesoroj el Kembriĝo.

Tamen, al mi mankis la talento, en tiu rilato mi havis nenian genion.

Sed Gus — oni diris — nepre kreos por si nomon en ia scienco pri korpa kreskhalto: ŝajnas al mi ke oni nomas tiun sciencon „etnologio“, Ĉiuokaze li komprenas ion en la nomita scienco. Li ĉasas la muzeojn kaj ĉiam ricevas permesojn por palpludi per kranioj, ostoj kaj malpuraj antikvaj ŝtonaĵoj. Tiel estis dudekon da jaroj antaŭ lia foriro al Nova Zelando.

Kiam li revenis hejmen el tiu ĉi lando, eksplodis la monda milito, pro kiu li baldaŭ fariĝis invalido. Dume li elmontris veran frenezecon en liaj mezuradoj de kapoj kaj en la makzelrompaj vortoj kaj ĉiam rakontis strangajn fabelojn pri la kutimoj de l' maorioj. [2]) Kaj jen — dank'al lia ĉiama mizera pasio, mi trafis ĉi tiun malagrablan situacion.

Ĝi okazis tiel. Kiam li resaniĝis el la invalideco kaj ekdeziris reveni Novan Zelandon, lin povis kontentigi nenio alia, ol ke mi ankaŭ akompanu lin kaj elektu en tiu lando sidlokon por mi mem kaj por *Phyllis*.

Phyllis — mi devas klarigi — estas mia fianĉino. Kiamaniere ni elektis unu la alian — mi opinias ke la priskribo de la okazintaĵoj pravigos la partoprenon de Phyllis en ili — estas alia afero. Mi tre amas Phyllis'on: ŝi estas bela. Ŝi estas la plej konvena fraŭlino por fariĝi edzino de Lorimer, kiel diras mia patro. Ŝi posedas karakteron iom tio rapiddecidan kaj kelkafoje havas siajn proprajn vidpunktojn; nur inter ni estu konfesite, ke ekzistas momentoj, kiam mi iomete timas Phyllis'on, eĉ multe pli ol Gus'on, kvankam en malsama rilato. Ŝi donas grandan atenton al tio, kion ŝi nomas „la konvenaĵoj“ kaj ĝuste per tio multe ŝi ĉagrenas min.

Sed mi antaŭkuras en la rakonto. En mia ekscitita stato mi ne povas rakonti la okazintaĵon tiel, kiel ĝi devus esti rakontita.

[1]) *Sylly Kid*, samsona al *silly kid*, kio signifas en la angla: *malprudenta kaprido*. Rim. de l' trad.

[2]) La indiĝenoj de Nova Zelando. Rim. de l' trad.

Do, kiam Gus kaj mi venis al *Auckland*, li instigis min vojaĝi kun li al tiu ĉi forŝirita de la mondo loko — apud golfo, kie loĝas tre malmultaj blankhaŭtuloj, sed la indiĝenoj estas ankoraŭ multenombraj. Li deziris ke ankaŭ Phyllis esploru la lokon, antaŭ ol ni faros en ĝi hejmon, ĉar — kiel li diris — „ĝi enhavas grandan intereson".

Gus kaj mi restadas tie ĉi jam pli ol ses monatojn, sed mi trovis ankoraŭ nenian „intereson" kaj Phyllis, kiu neatendite venis el Anglujo al Auckland lastan semajnon, telegrafis ke ŝi vojaĝos al ni per la unua marborda ŝipo kaj eble alvenos morgaŭ. Kiel ajn, mi ne sentis min tiom feliĉa, kiom mi devus.

Mi simple diros al vi. Antaŭ hieraŭ Gus ekdeziris ke mi akompanu lin al iu insulo, kie ni havos la okazon vidi funebrajn ritojn de indiĝenoj. Mi havis nenian inklinon por observi ilin, sed por ne resti sola en nia malampleksa pensiono, mi konsentis akompani lin.

Ni vojaĝis per motorboato, kiu rondiras nian golfon kaj pasas apud la menciita insulo. La vojaĝo estis sufiĉe plezura, kvieta, sub la suna brilo. Nur unu incidento ekĝenis min. Kiam ni pasis preter malgranda golfeto, kie antaŭ unu jaro oni instalis fiŝfumaĵadejon — sur la boato ekaŭdiĝis murmuro kiu ekscitis ĉiujn.

— *„Mango!"* — ekkriis la maorio, kiu veturis kiel helpanto de la boatgvidisto. Mi konas la signifon de tiu vorto nun, ĉar Gus klarigis ĝin al mi poste, sed tiam mi komprenis nenion. Mi ekrigardis tien, kien ĉiuj estis rigardantaj kaj mi ekvidis kvietan akvosupraĵon, markitan per ondanta streko. La strekon faris ia rapide naĝanta, brilanta punkto, kiu altiĝis je kelkaj centimetroj super la akvosupraĵo. Post kelkaj minutoj ĝi malaperis. Momenton poste ĉiuj en la boato subite ree ekmurmuris. Apude, ne pli ol kvar metrojn antaŭ ni, povis esti observata sur la akvosupraĵo ia malhele griza objekto. Mi tuj rekonis en ĝi ŝarkon, kaj, kiam ĝi suprenturnis sian malhelblankan ventron kaj montris du liniojn de brilantaj dentoj, — dum ĝia sovaĝa, sed vana atako kontraŭ la longa linio de fiŝretoj, — mi ektremis.

Dum mia tuta vivo mi havis abomenon kontraŭ brilantaj, malsekaj kaj malvarmaj objektoj.

Gus sin turnis al la maorio kaj parolis kun li en la maoria lingvo. Mi ne povis kompreni kion ili interparolis, kvankam mi rekonis kelkajn vortojn, kiujn Gus provis siatempe klarigi al mi. Mi demandis post kelkaj minutoj Gus'on pri kio ili diskutis.

— Pri la ŝarkoj, — li diris kaj komencis paroli al mi pri la tigroŝarkoj kaj hundfiŝoj kaj pri dversaj nomoj, kiujn oni uzas por tiuj bestoj tra la tutaj Sudpacifika Oceano. Nur ĉe unu punkto mi kuraĝis fari mian rimarkon.

Laŭ sia kutimo, Gus skribis la vortojn sur iu kuverto, kiam li parolis. Mi havas tiun kuverton nun ĉe mi, kvankam ĝi estis intertempe trempita en akvo kaj ĉifonigita.

— *„Mango"* — li parolis — estas maoria nomo por speco de ŝarkoj aŭ hundfiŝoj. La sama nomo por tiuj bestoj ekzistas en la samoa, Hawaiia kaj aliaj idiomoj de la Pacifika oceano. *„Mako"* estas maoria nomo por la kruela tigroŝarko, kiu havas du vicojn de terure kurbigitaj dentoj. Ekzistas ankaŭ alia maoria nomo — *„arawa"*, signifanta ŝarkon kaj identa ankaŭ por la Tonga kaj Fidĵia idiomoj. (Mi parolas al vi pri la klarigoj nur dank' al la restaĵoj de la supreskribita kuverto.)

Kiam Gus menciis „arawa", mi iom vigliĝis.

— Ĉu ĝi ne signifas — mi diris — *amon* en la maoria lingvo?

— Ne, Sylly — li elmontris la forgesitan atakemon de la lerneja tempo — mi diris „arawa". Ĉu mi ne diris al vi ke *amo* signifas „aroha"?

Vi devas scii, ke por la alveno de Phyllis mi volis prezenti ion originalan — ĉu ne? — kaj saluti ŝin per du aŭ tri konvenaj vortoj en la maoria lingvo, por kio mi bezonis la helpon de Gus. Li ne tro ĝuis fari al mi tiun helpon — eble pro tio mi ne aŭdis lin klare kaj tial mi havis grandan malfacilaĵon en la ĝusta prononcado de la vortoj. Li ĉiam tro detaligas la aferon, mi pensis. La menciitan vorton li simple skribis sur la kuverto kaj metis ĝin en miajn manojn kun la frazo: „Jen — tio al vi helpos".

En tiu ĉi momento la motorboato malrapidiĝis, ni estis jam proksime al la destinita loko.

La golfeton vivigis amaso da „kanooj" [3]) kaj kiam ni eliris sur la bordon, grupo de indiĝenoj venis al ni renkonte. Ili tuj rekonis Gus'on kaj salutis lin laŭ la maoria kutimo — ĉiu el ili alterne premis sian nazon al la nazo de Gus. (Gus fariĝas mokema, kiam li aŭdas iun paroli pri tiu ĉi kutimo kiel pri „frotado de nazoj" kaj foje klarigis al mi la signifon de „hangi" — maoria nomo por tiu ĉi abomena kutimo — kaj komparis ĝin kun la ideo de *flarado*, por kiu la indiĝenoj havas la saman vorton. Uzante la okazon li diris tiam kelkajn esprimojn, kiuj sonis tute amare pri la kisado kaj mia Phyllis.)

Laŭ la konsilo de Gus mi ankaŭ submetis min al tiu ĉi elmontro de bonveno kun du aŭ tri renkontintoj.

Ni estis kondukataj ĝis la „kainga" — maoria vorto signifanta vilaĝon, por via scio. Tie nin atendis amaso da devoj. Ni devis elteni longan vicon de bonvenaj paroladoj, starante antaŭ malgranda dometo, ekster kiu, sur la kanapo farita el ŝaloj, kuŝis la kadavro de la mortinto. La funebrantoj, kun haroj kronitaj per verdaj branĉetoj, sidis ĉirkaŭ la mortinto kaj tie energie ploris kaj ĝemis.

Gus laŭŝajne plenumis ĉiujn devojn kun granda seriozeco: elmontris lian solenan respekton al la mortinto, interpremis la nazojn kun la funebrantoj kaj poste estis kondukata al speciala gasthejmo, dum mi trenis min post li, provante lin imiti.

Tamen plej kontenta kaj ĝuplena estis Gus, kiam ni post kelka tempo sidis sur la herbo, okupinte la rezervitajn por ni lokojn en la longaj spaliroj de la gastoj, kiuj partoprenis la funebran festenon. Mi ne pensas ke li trovis la proponitan „mango'n" tiom bongusta, kiom oni devus ĝin trovi. Mi ne estis certa ankaŭ pri la vaporanta porkaĵo, kiun oni prenis el la fositaj en la tero fornoj, kune kun saketoj da terpomoj. Sed antaŭ la monteto de la kuirita „pipi" (speco de Novzelanda molusko) li faris miraklojn. Simile al la indiĝenoj li prenis ĉiun sekvantan „pipi" per la konko de la ĵus manĝita, dum la transŝultre

[3]) remboatoj de la pacifikaj indiĝenoj. Rim. de l' trad.



Fritz Thaulow: Nokte sur la rando de l' arbaro

forjetita konko de la antaŭe manĝita „pipi“ ankoraŭ ne falis sur la teron. Tio estis . . . kiel vi dirus? . . . ĝi estis grandioza lertaĵo, sed ĝi tute ne estis bonmaniera por anglo. Kion pensus pri tio Phyllis? Kun granda peno mi manĝis unu moluskon. Ĉu mi estus povinta manĝi pli?

Tiun nokton Gus kaj mi dormis — jes, li dormis, sed mi nur ŝajnigis min dormanta — en granda kabano („wharepuni“ ĝi estis, kiel diris al mi Gus) kune kun ĉirkaŭ kvardek maorioj, viroj kaj virinoj. En tiun nombron mi ne enkalkulis la aliajn kreitaĵetojn kiuj evidente ne bezonis la dormon.

La sekvantan matenon mi avide atendis la revenon de la motorboato. Gus diris ke laŭ lia opinio ĝi povus reveni nur post unu monato. La mateno pasis kaj ĝi vere ne venis. Tagmezo — kaj nenia signo de ĝia ekzisto. Mi fariĝis malespera. Gus ridis, sed lia vizaĝo serioziĝis, kiam mi menciis pri Phyllis. Mi ja devus esti hejme por ŝin prizorgi ĉe la alveno en nian pensionon. „Sendube“ — li diris.

Post multaj afliktoj de mia flanko kaj paroloj de la lia, ni decidis ke mi revenos hejmen per kanoo, dum li restos ĉe la indiĝenoj ankoraŭ tri tagojn. La maniero de la vojaĝo ne plaĉis al mi, ĉar la maro fariĝis ion kaprica, sed min pli multe dolorigis la fakto ke Phyllis povus veni dum mia foresto.

Gus aranĝis ĉion. Malgranda kanoo, elĉizita el arbotrunko, ampleksa nur por du homoj devis esti uzata por la vojaĝo, ĉar je mia dispono mi povis ricevi apenaŭ unu remiston pro tio ke neniu volis lasi la funebran manĝofestenon. Kiam aperis la remisto, destinita por mi, mi estis frapita: tio estis maoria fraŭlino, la filino de la triba estro de la insulo, kun kiu Gus multe parolis — pri mi, kiel mi povis supozi.

La estro ŝajnis esti plezurigita kaj la fraŭlino ne montris kontraŭemon, kiam li kondukis ŝin al la golfeto. Gus aspektis gravmiena kiel strigo kaj malatentis ĉiujn miajn protestojn. Mi povis aŭ vojaĝi tiamaniere, aŭ resti kun li: nenia alia aranĝo estis ebla. Kaj neniu alia homo estis, al kiu mi povus plendi. Nek la estro, nek lia filino sciis eĉ unu anglan vorton.

Mia sento al Phyllis venkis kaj mi saltis en la kanoon. Ĝi estis forpuŝita kaj mia remistino, vestita nur per pli ol mallonga indiĝena tuniko, komencis gracie la remadon. Baldaŭ ni estis jam sufiĉe malproksime; Gus kaj la estro svingis al ni adiaŭon de sur la tero.

Remante per la remilo jen sur la dekstra, jen sur la maldekstra flanko, mia veturigistino ridetis al mi, dum mi sidis rigardante ŝian vizaĝon. Ŝi diris kelkajn vortojn — mi ne scias kion, sed ili instigis min pensi pri Phyllis. Ankaŭ mi provis repagi al ŝi per ridetoj. Ĉiu mia rideto pli kaj pli vivigis ŝin. Mi interesiĝis, kia distanco restas al ni ankoraŭ por veturi — mia dorso estis turnita laŭ tiu direkto kaj mi timis eĉ ekrigardi trans la ŝultro, sidante en tiu ĉi malgranda ŝipeto, kaj la akvo lekis miajn manojn, apogitajn sur la flankojn de la kanoo, kiam okazis terura afero. Subite mi ekvidis post ni la naĝilon de ŝarko; ni devis esti proksime al la fiŝfumaĵadejo. Kiel mi povus tion diri al ŝi? La besto ja renversos nian kanoon!

Kun nebula menso mi penis rememori la maoriajn vortojn de Gus por ŝarko — mi ne kuraĝis eĉ turniĝi por elpreni lian kuverton el la poŝo de mia pantalono. Sed mi devas atentigi ŝin. Ha! — mi rememoris.

— „Ara-wha!“ mi diris spasme, malfacile spirante kaj avide rigardante ŝiajn okulojn. Ŝi komprenis — sed evidente ne tion, kion mi intencis al ŝi komprenigi. Kun larĝe malfermitaj okuloj, ŝajne mirigita per la subita solvo de la afero, ŝi ĉesis remi kaj ridetis. Tiam mi diris — „Aroha?“ Ŝi diris: „Ae“, kio signifas: *jes*.

Kio okazis poste, mi ne povas bone rememori. Sonis ia forta plaŭdo, kaŭzita de ia blanka objekto apud la kanoo. Verŝajne, mi flugis flanken. La kanoo glitis for kaj la akvo kovris min kun mia kapo. Ies mano kaptis miajn harojn kaj mi ree aperis sur la akvosupraĵo.

El nenie — eble el la ĉielo — venis velboato. Pafo, destinita por la ŝarko „tondris en la aero kaj baldaŭ mi kaj la maoriino estis prenitaj sur la boaton. Post kelka tempo mi jam estis sur la tero, en nia pensiono. Kaj la maoriino?

Ŝi retrovis sian kanoon kaj remilon kaj atendis min sur la marbordo apud la pensiono. Mi iris por danki ŝin, sed ne trovis la vortojn. Ŝi akceptis min kun la flamo de tuŝita koro, kion mi ne povis forpeli: ĉu ŝi ne helpis savi mian vivon? Ŝi aspektis iom mistera, sed tre feliĉa. Tio estis hieraŭ. La nokton ŝi pasigis en iu „kainga“, unu mejlon malproksime. Hodiaŭ ŝi revenis al nia loko kun dudeko aŭ pli da aliaj maoriinoj, kiuj sidas kune kun ŝi kaj rigardas nian pensionon: mi vidas ilin tra la kurtenoj. Nur unu fojon mi eliris al nia malgranda poŝtoficejo kaj mi uzis la kaŝitan, malantaŭan vojon.

Tagmeze al la atendantaj maoriinoj venis kelkaj maorioj, tiuj observis nian pensionon antaŭ ol foriri. Mi ne kuraĝas ankoraŭ rakonti la okazintaĵon al iu ajn en la pensiono. Gus, kiu sola povus ĉion kompreni kaj klarigi, restas ankoraŭ sur la insulo. Kaj Phyllis venas morgaŭ!

El la angla: *N. Hohlov*

---

# LA PORDISTO

TEO KILIAN



Ĉiu provinca urbeto havas tipan viron, konatan kaj primokatan de ĉiu samurbano, precipe de la infanoj. Ankaŭ nia urbeto havis tian. Sed kontraŭ ĉiu kutimo eĉ la plej grandaj fiknaboj ne kuraĝis lin moki aŭ postkrii laŭ knabaĉkutimo, kvankam la altkreskuloj, parolante pri li, trovis nur vortojn, kiujn ili akompanis per milda, pardonema rideto. Estimon ĝi certe ne signifis. Tamen ni buboj sentis en lia proksimo ian strangan, preskaŭ misteran respekton. Tio sentiĝis ankaŭ ĉe la altkreskuloj, sed malagrable, ĉar ĝi estis nekomprenebla. Kontraŭ tiu malagrableco, oni opiniis plej bona rimedo la mokridon — je distanco. Laŭ lia eluzita surtuto, kiun li portis eĉ somere, li estis jam de malproksime rekonebla. Pri liaj vivrimedoj cirkulis la plej diversaj opinioj kaj asertoj. Ion certan neniu sciis. Stranga, kiel lia estaĵo, estis ankaŭ lia nomo, sub kiu lin ĉiu konis: Pordisto. Lian veran nomon sciis neniu, eble eĉ li mem ne, tiel li jam kutimiĝis al sia pseŭdonomo.

Ĉie, kie kunvenadas multaj homoj, li estis trovebla. Tial li plej volonte restadis en la atendejo de stacidomo. Li sidis ĉiam apud la pordo kaj ŝajnis nenion vidi kaj aŭdi. Sed li nur ŝajnis. Ĉar jen: belkreska, riĉvestita sinjorino, kun vangoj ruĝiĝintaj pro la ekstera malvarmeco, envenis, lasante la pordon malfermita. Tuj liaj okuloj ekbrilis, liaj trajtoj streĉiĝis, lia tuta korpo ricevis energion. Li prezentiĝis kiel tute alia.

— Pardonu, sinjorina moŝto, sed vi forgesis fermi la pordon . . ."

Malestima rigardo trafis nian Pordiston, sed sen embaraso li daŭrigis . . . „kaj mi petas, fermu ĝin!"

En lia vizaĝo kaj voĉo estis io deviga kaj, kvazaŭ senkonscie, reiris la sinjorino kaj fermis. Liaj trajtoj mildiĝis, liaj okuloj eĉ ekridetis kaj, por pacigi la enbarasitan sinjorinon, li aldonis: — Estus ĉi tie tro malvarme.

Sed jam eniris knabo lasante la pordon malfermita.

— Ho, knabo, vi ja volas varmiĝi ĉi tie, tial fermu la pordon, por ke la vintro ne englutu nian varmon.

Tio ne estis ordono incitanta al obstino, kaj, ferminte la pordon, la knabo sidiĝis en angulo, rigardante simpatie kaj scivoleme la viron.

Maljuna, malforta virineto, kun peza dorssako kaj grandaj pakaĵoj en la manoj, enŝoviĝis tra tro mallarĝa pordeto kaj sensukcese provis fermi la pordon. Tuj nia Pordisto alsaltis.

— Ne penu, mia bona, mi jam fermos. — Kore ŝi dankis, sed vane ŝi serĉis sidlokon por ripozi; ĉiuj estis okupitaj.

— Sidiĝu ĉi tie sur mian lokon, mia kara. — La sendenta buŝo de la maljunulino ĝoje ekridetis. Elkore ŝi superŝutis lin per danko sincera. Pordisto iom ruĝiĝis. Ĉu pro ĝojo? Ĉu pro embaraso? Jes, pro embaraso.

El ĉi tiu malagrabla stato lin savis viro eniranta. Kvankam li malsuprenpremis la anson, la pordo restis tamen malfermita. Li volis jam foriri.

— Malfacile estas fermebla ĉi tiu pordeto, mia sinjoro, sed se vi ĝin antaŭe forte alpremos, vi sukcesos. — . . . Kaj li sukcesis.

La malatentemuloj estis ĉiuj fremduloj — la samurbanoj de Pordisto jam kutimiĝis al ordo por eviti la malagrablan atentigon. Pordisto estis severa kaj persista instruisto!

La vagonaro alvenis. Ĉiuj vojaĝantoj amasiĝis ĉe la pordo kaj la maljuna virineto kun la pakaĵoj malespere ĉirkaŭrigardis.

— Ne maltrankviliĝu, mia kara, mi helpos vin — kaj li deprenis ĉion de ŝi, por ke ŝi havu manojn liberajn. Ĝis en la vagonon li ŝin akompanis: — Kaj nun feliĉan vojaĝon! — Ho, vi estas bona homo, pli multe li jam ne aŭdis.

Malrapide li reiris en la atendejon Sola li estis kaj meditis. Sokrato estis bonega instruanto kaj edukanto, sed li tamen eraris. Li klarigis al siaj disĉiploj, kio estas bona kaj opiniis, ke tio sufiĉas, por ke ili ankaŭ agu bone. Li konjektis kaj kredis, ke la homoj nur tial ne agas bone, ĉar ili ne scias, kio estas bona. Tiu ĉi lia kredo estas ja pruvo de lia ĝisfunde nobla karaktero, sed tiu ĉi kredo tamen estis eraro. Ne, la sola scio, kio estas bona, efikas preskaŭ nenion, se ne aliĝas ekzerco, kutimo fari bonon. Post ĉiu oni devas iri, ĉu knabo, ĉu viro kaj devas morale helpi ilin realigi la scion. Ĉi tiu praktiko komenciĝas ĉe la fermado de la pordo, kiu estas la $2\times2=4$ de la socia bonfarado. Malfacila estas tiu realigo.

Tial la plej multaj moralistoj uzas la oportunan frazon: — Ne atentu miajn agojn, sed miajn vortojn. — Sed tia moraleco lamas . . .

Li ankoraŭ longe filozofis.

— — — — — — — — — — —

Antaŭ kelkaj tagoj Pordisto mortis. Nur kelkaj maljunaj virinoj kaj mi lin akompanis. Irante post la modesta ĉerko pensoj diversaj trairis mian kapon. En la ĉielo li certe daŭrigos sian teran okupon kiel helpanto de l' sankta Petro. Anĝeleto ruĝvanga alparolanta vin: „Mia bona, vi forgesis fermi la ĉielpordon" — certe estos li. Tial atentu!

---

# POEMOJ EN PROZO

JULIO BAGHY

## KIAM LA ANIMO DEMANDAS . . .

Kial vi esperas de la vivo tion, kion ĝi ne povas doni? Kial vi volas rikolti fruktojn, kiujn vi ne semis? Kial vi kredas je la alia mondo, kiam eĉ la teraĵoj trompas vin? Kial vi parolas pri Dio, kiam eĉ la vivon mem vi ne konas? Kaj kial naskas la patrinoj, se la idoj ne povas fariĝi aliaj ol nur homoj kaj . . . kial ili ekzistas, se ili ne povas vere homiĝi?

En silenta horo de l' soleco uragane atakas min la animo per amaso da demandoj kaj dolore turmentas sin per malespera meditado. Ĝi esploras ĉion ĉirkaŭ si, observante ankaŭ sin mem ĝi postulas ĝemplore respondon de mi pri la kialo de sia ekzistado.

— Vivi estas abomene kaj la homoj estas pli trivialaj, ol la bestoj. Korvo ne elpikas okulojn de sia korvofrato, dum la homa vivo konsistas el senĉesa batalo unu kontraŭ alia . . . Kio estas la Homo? Kio estas la celo de la Homo?

Respondon ĝi petegas de mi kaj mi estas devigata — mensogi . . . Tiel mensogi, kiel patro al sia demandema fileto pri afero eĉ de li mem ne konata.

La Homo estas materio, miksita el karno kaj sango, el aro da pasioj, en kiu vivas ia prainstinkto . . . aŭ . . . ĝi estas ludilo de iu mistera forto kaj imagas sin krono de ĉiuj kreitaĵoj.

— Krono de ĉiuj kreitaĵoj, kiu ne konas, kiu seninterrompe nur serĉas la kialon de la vivo kaj dum la vana esplorado enprofundiĝas en putraĵon de teorioj, perdas sin en la devioj de

la vivlabirinto? Hahaha! Krono de ĉiuj kreitaĵoj... Sed kio estas la celo?

Mensogi estas la celo de Vivo. Kiel eble plej bele ornami la ekzistadon per kolorriĉaj mensogaĵoj. Mensogi dolorojn kaj plezurojn, mensogi dezirojn kaj celojn; vivi por malveraĵoj kaj morti pro falsaj dioj; jen estas la celo de la vivo. Kiu plej bone konas la arton de l' mensogado, tiu fiere povos diri ĉe la pordego de la morto: — Mi vivis!... Ne serĉu la kialon de la vivo, sed mensogu al vi mem, ke vi jam estas trovinta ĝin, por ke vi neniam afliktiĝu... Tiu arto, kiu donas la vivon mem, ne estas tiel alloge brilanta, kiel tiu, kiu kovras ĝin per la vualo de l' konjekteco. Amu la artojn, ĉar ili mensogas. Lernu de la artistoj, ĉar ili povas sorĉe survesti eĉ la abomenaĵojn per diaj ĉifonoj de iluzio.

Vidu la vivon bela, akceptu ĝin tia, kia ĝi estas kaj se por momento vi rekonas vin en iu homa monstro; se vi ektremas pro naŭzo: mensogu al vi mem, ke la speguIo montrita de la hazarda minuto, estas kurba kaj mensoga. Kaj nun, animo mía, kriu: „la vivo estas vantaĵo" kaj ebriiĝu sovaĝe per la vino de l' senkonscio... ekdormu por ne mediti pri vanaĵoj... neniam, neniam plu!... Dormu!... Ne sentu la dolorojn kiujn la nevola observado de la homa vivo kaŭzas al vi... kaŝu vin for de la vizaĝo de l' ĉiutaga vivbatalo kaj via narkoto estu profunda, sensonĝa... ne havanta celojn neatingeblajn...

Silento... Subite en la muta silento iu ekridegas kaj, mokante min, ĵetas rekte al miaj okuloj: Oni plej mirinde mensogas, se oni sincere volas interpreti pervorte la sentojn!... kaj mi rekonas kun malgaja rezigno la voĉon de — mia animo.

## DU MORTINTOJ

Sonĝon mi vidis nokte, teruran sonĝon kaj mian afliktitan animon konsolis nur la vekiĝo.

Mortis la Penso... La plej potenca fenomeno de l' vivo kuŝis forgesite en la putranta koto de la hombestaj inklinoj... Stranga egaleco regis la Teron kaj la Homo egaliĝis je la bestoj... Mortis la Penso, sed la Vivo plu pasis sur la vojo de l' Tempo kaj vivi estis nek feliĉe, nek turmente — ĉar restis la „ĝuo de l' minuto", sed la Homo — ho ve — sciis nenion pri tio!...

Kaj nun reviviĝis la Penso kaj mortigis la efemeran „ĝuon de l' minuto"... Mortis la amo! Ĉe la enterigo de la potenca senkorpa kadavro parolis la Penso al la funebranta homamaso pri la pureco de la spirita vivado,... sed vane, ĉar kun la Amo mortis la Vivo mem kaj restis sole — la Tempo...

La amo estas vivo kaj la nura spirita ekzisto estas iom-post-ioma forperdigado de la Vivo mem.

---

# LOKOMOTIVA KORO



Tian lokomotivon oni nur malofte vidas. Bela, belega, kun polurite brilaj ŝtal- kaj kupropartoj, la moderna maŝino E 312 ŝajne konsciis pri sia avantaĝa aspekto kaj estis pli koketa ol flamiĝema knabino. Ŝiaj okuloj, lumegaj lanternoj, avide penetris la silentan nokton kaj kiel senpacienca rasa ĉevalo de supernatura speco, ŝi ekscite kaj preskaŭ nereteneble tremis kaj profunde-peztakte spiregis kvazaŭ pro grava emocio aŭ volupta antaŭsento. Kaj sub la premo de ŝia spasma ekskuiĝo tremis la fera vojo.

Ŝi apenaŭ povis ĝisatendi la forvetur-ordonon de l' vagonarestro, kaj tuj post kiam estis aŭdiĝinta la fajfsignalo, ŝi ekruliĝis antaŭen, ĉiam pli rapidiĝante sur la glita relparo, renkonte al noktaj aventuroj...

Larĝa grizblua fumtrenaĵo ŝvebis post ŝi kiel malligitaj haroj de freneze kuranta furio. Senhalte, senatente, bolidsimile ŝi preterpasis la kliniĝantajn konturojn de apudvojaj arbaĵoj, domoj kaj montoj. Ŝia streĉita rigardo celis nur la malhelan fonon de l' suda horizonto...

Ĉi ŝi memoris, ke ĉiunokte venis de tie la luksa vagonaro de l' marbordo, kies potenca lokomotivo estis, samkiel ŝi, fiera ido de l' plej moderna tekniko? Ĉu pro sekreta eksento ŝi pli forte spiregis, kiam ŝi renkonte preterpasis tiun lokomotivon kiu — eble kun la samaj sentoj — ruliĝis apud ŝi en kontraŭa direkto, sekvante la relparon malesperige paralelan al la ŝia, dum unu ekfulma momento tiom proksime, ke ŝi sentis la varman vaporblovon? Ĉu eble ŝi sopire deziris anstataŭ rapidega preterpaso longdaŭran kuniĝon kun la sekreta kaj pasie amata giganta korpo?...

*

Iun matenon la ĵurnaloj publikis mallongan sciigon:

„*Grava fervoja akcidento.* — Lastan nokton la vagonaro Paris—Nice E 312 ĉe reldisiĝo apud la stacio Beaumont sekvis la dekstran relparon pro kaŭzo ne ankoraŭ konata. Dek minutojn poste, dum rapidega veturo, ĝi sin ĵetis en la kontraŭvenantan vagonaron de Nice. La karambolo estis terura. Oni kalkulas pli ol cent vunditojn. La lokomotivoj de ambaŭ vagonaroj estas dispecigitaj. Detaloj mankas."

*

Multaj ĉefinĝenieroj kaj eminentaj kompetentuloj longe enketis. Fine, oni konkludis: „... pro kaŭzo nekonata"... ĉar ankoraŭ neniu esploris la sekretajn sentojn de lokomotiva koro.

*Raymond Schwartz* de la *Verda Kato*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: LA MODERNA PENTRARTO EN NORVEGIO

„La latinaj popoloj havas tre viglan komprenemon pri la *ekstero* kaj ornamo de la aĵoj, pri la pompa apero — kiu flatas al la senso kaj vanteco — pri la logika reguleco, ekstera proporcio, bela ordo, unuvorte pri la formo. La germanajn popolojn, male, plimulte altiras la *interno* de la aĵoj, la vero mem, do la esenco. La instinkto instigas ilin, ne lasi sin delogi de la ŝajno, suprenlevi la vualon kaj esplori la sekretojn de la aĵoj, eĉ se tiuj estas malplaĉaj kaj doloraj, ne forlasi kaj ne forkaŝi eĉ la plejmalgrandajn detalaĵojn, eĉ se tiuj estas ĉiutagaj kaj malbelaj".

Ĉi tiuj vortoj de *Taine* venis en mian memoron, rigardante la nordajn pentraĵojn de la „Budapeŝta Muzeo de Belaj Artoj".

*

*Germanio* ludis grandan rolon en la arthistorio de Norvegio kaj donis tiun bazon, sur kiu evoluis la moderna norvega arto. Tri gravaj urboj estis, kiuj peris la germanajn efikojn: *Düsseldorf, Karlsruhe* kaj *München.* En la mezo de l' XIX-a centjaro la norvegaj pentristoj amase vizitis ĉi tiujn artajn centrojn — devigate de la malfavoraj ekonomiaj kaj artaj cirkonstancoj de sia hejmlando — kaj koncentriĝis en la tieaj akademioj.

En ĉi tiuj akademioj la instruado estis tre konservativa kaj la pentristoj estis devigataj pentri laŭ ŝtoniĝintaj tradicioj: laŭ motivelekto fidela al la reguloj, en seka akademiisma maniero, per bitumkoloroj. Estis nur tre malmultaj — kiel *Johan C. Dahl* — kiuj povis leviĝi el la germana atmosfero kaj krei ion novan, individue norvegan.

En la urboj *Karlsruhe, Düsseldorf* kaj *Berlin* depost 1854 *Hans Gude* (1825—1903) estis la gvidanto de la akademioj. Li estis konservativa artisto. Liaj bildoj montras zorgeman, objektivan spegulon de l' Naturo sed despli malmultan animan enhavon: pli gravaj estas: *„Norvega lago kun fiŝkaptistoj"*, *„Vikingŝipoj en la Sognefjoro"*, *„Post la ventego"* (Berlin), *„Nokta fiŝkaptado en Norvegio"* (Vieno), *„Ventsilento ĉe la marbordo"* (Köln), *„Hejmenirantaj fiŝkaptistoj"* (Breslaŭ). Gude faris grandan efikon al la norvega arto. Li kolektis siajn samlandanojn ĉirkaŭ si kaj plenigis ilin per konservativa spirito. La norvegaj artistoj finstudinte la akademiojn kaj reirante en sian hejmlandon — forportis ankaŭ la germanan spiriton kaj la fremdan semon ili radikigis en la hejma popolspirito. Tiel la norvega arto efektive estis germana arto lokita sur nacia tero. Du pentristoj estis, kies nomoj estas honorindaj en la klopodoj celantaj disiĝi de la germana arto: *Nielsen Amaldus* kaj *Fredrik Collett.*

Ilia agado estas ligita al la modernaj artaj klopodoj, kiuj ekiris en *Parizo* kaj kiuj en la historie glora jaro 1878 — dato de la tiea bildekspozicio — venis triumfe en la arthistorion. Ĉi tiu arta klopodo alportis la finon de la bituma atelierarto. *„Plenaerismo"* . . . ĉi tiu devizo efikis la junajn pentristanimojn kiel nova mirindaĵo kaj kun brilantaj okuloj ili direktis siajn rigardojn al Parizo. Kaj en Parizo tagiĝis . . . Mirakloplena



Gerhard Munthe: Norvega pejzaĝo

mateno salutis la popolon de la pentristoj. La rosgutaj, odoraj kampoj, montoj kaj arbaroj: mem la granda Naturo malkaŝis siajn mirindaĵojn antaŭ la arto kaj allogis la pentristojn el la senaeraj atelieroj.

Sub la standardo de la „plenaerismo" kun flagranta ardo kolektiĝis la norvegaj pentristoj kaj la norvegan arton liberigis el la germana efiko. La norvega arto trovis sin mem.

Kvankam Amaldus Nielsen kaj Fredrik Collett partoprenis en la movado, tamen la efektiva transformiĝo de l' hejma arto estas merito de tri pentristoj: *Erik Werenskiold, Fritz Thaulow* kaj *Christian Krohg*, kiuj buŝe kaj skribe batalis kontraŭ la malvarma indiferenteco de siaj samlandanoj, tamen atingante la finvenkon.

Inter la mallarĝaj kadroj de mia artikolo mi ne povas primemori ĉiujn, kiuj batalis sub la standardo kaj poste ludis gvidrolon en la moderna norvega arto, nur kelkiujn.

*Werenskiold* (1855—) komence studis en München, en la klaso de Löfftz, poste en Parizo, ĉe Bonnat. Lia bildo, la „Kamparanenterigo" — nun en la nacia muzeo — fidele manifestas la spiriton de la nordaj pentristoj profundiĝintaj en la esencon de l' aperaĵoj. Kiu vidas ĉi tiun bildon, tiu povas en ĝi eksenti la genion de la norda artisto, kiu penetras ĝis la fundo de la aperaĵoj, por elporti de tie la esencon, la veron: la animon. En ĉi tiu bildo la materia enhavo: la formo kun la spirita enhavo: la animo unuiĝas en tia konstruo, ke ĉiuj ĝiaj detalaĵoj leviĝas sur la plej altan gradon de la artaj valoroj. Ĉi tiu arto estas trasaturita per animo. Werenskiold estas granda artisto, kies portretoj (Ibsen) atestas ankaŭ lian psikologian akrevidon. Kiel ilustristo li estas same granda kiel pentristo.

*Fritz Thaulow* (1847—1906) estas vere nacia artisto, kiu, per sia forta individueco, faris grandan efikon al la norvega arto. Li estis disĉiplo de Gude, en Karlsruhe. Kiam tagiĝis en Parizo, li estis inter la unuaj, kiuj la modernajn klopodojn forportis en Norvegion. Komence li estis fidela amanto de la maro — kaj fine katenis lin la norvega vintro per sia brilanta kolorpompo. En lia arto estas ia giganta praforto, kiu ekprenas la kernon de la aĵoj kaj la aperaĵojn prezentas al ni per forta, certa mano.

*Christian Krohg* estas unu el la artistoj de plej sentoplena koro, kies arto estas dokumento de homo sentema, profunde sentanta la maljustaĵojn de la socio. Lia arto elspiras ian dolore mistikan patoson, en kiu ni eksentas suprenflugantajn ĝemojn de ŝarĝplenaj homaj sortoj. Liaj pentraĵoj, figurantaj la vivon de la fiŝkaptistoj, estas grandiozaj pecoj de lia arto.

*Gerhard Munthe* (1849—) studadis en Düsseldorf kaj München. Unu el la plej eminentaj pejzaĝpentristoj, kiu kun infana ĝojo profundiĝas en la plejmalgrandajn detalaĵojn de la aperaĵoj. Liaj koloroj estas tamen freŝaj, brilantaj kaj respegulas animon de pentristo vivanta en granda harmonio je la Naturo. Lia dekorativa arto (tapiŝplanoj) estas unika en tuta Europo. Liaj ilustraĵverkoj estas unuarangaj: *„Sigurd Gossalfarer"* (en la pinakoteko de Drontheim) kaj la serioj: *„Suorre", „Draumkvade"*, ktp.

*Eilif Petersen* (1852—) studadis en Karlsruhe kaj München. Deskuante la katenojn de la germanaj tradicioj, li iĝis unu el la plej eminentaj artistoj, kies formoj unuiĝas en serena harmonio, kun brila tekniko. Dum restado en Romo de 1879—83 li trovis sin mem. Liaj plej gravaj verkoj ĉi tie faritaj estas la jenaj: *„Judaskiso", „Ripozo en Sora"* (grupo de italaj laboristoj), *„Piazza Montanara"* (el la strata vivo), *„Lavistinoj"* ktp. Li estas multflanka artisto, kies portretoj ankaŭ estas gravaj artdokumentoj: *Ibsen, Arne Garborg, Grieg*, ktp.

La bildoj de *Otto Sinding* (1842—) kondukas nin en la viglan mondon de l' fjordoj, al la vivo de l' fiskaptistvilaĝoj kaj ilian vivon li prezentas al ni kun poezia intimeco. Liaj plej gravaj bildoj estas la jenaj: *„Ruth inter la kamparanoj", „Enterigo sur la Lofot' aj insuloj", „Haveno de Lofot' aj fiŝkaptistoj", „La laponoj salutas la revenon de l' suno," „Tarantelo", „Somera vespero inter la Lofot' aj insuloj"* ktp. Li estis ankaŭ bonega ilustraĵisto kaj ilustris la libron ankaŭ de Nansen, pri la nordpolusa vojaĝo.

*Gustav Wentzel* kaj *Halfdan Ström* estas anoj de la plijuna generacio, kiu, post la forta batalo de la maljunuloj, facile ekposedis sian lokon. Ilia arto kun grandioza realismo prezentas al ni la vivon de malpliriĉaj popolklasoj, en intima, sentplena prezentado.

La arto de *Edvard Munch* (1863—) sune brilas sur la ĉielo de l' norvega arto. Komence li estis disĉiplo de Krohg, poste tiu de Bonnat, en Parizo. Ĉi tie li interrilatiĝis kun la impresionistoj kaj sub iliaj efikoj evoluigis sian apartan, individuan arton, laŭ la signo de l' plej ekstrema impresionismo, plenigante ĝin per ia neklarigebla mistikismo. Tiel multflankan artiston kiel li ne naskis ankoraŭ Norvegio. Li estas granda en la pentrarto same, kiel en la grafikarto. Li verkis ambaŭparte grandiozajn verkojn, insiste al la esprimeblaĵoj de l' materio mem, al la limo de l' esprimo difinita de la materio. Liaj gravuraĵoj, ksilografaĵoj, litografaĵoj kaj linogravuraĵoj estas unikaj. Lia psikologia akrevido estas mirinda. Li penetras, preskaŭ per la sesa sento, ĝis la nervfadenoj de la homoj. Lia litografa portreto pri Strindberg estas senekzempla.

Pri la hodiaŭa generacio ni parolos alian fojon.

---

# MONDLITERATURA OBSERVO

## JERZY ZULAWSKI: EROS KAJ PSIĤE

Ekzistas temoj, allogantaj eterne poetojn diversnaciajn. Tia estas ankaŭ la sugestia antikva fabelo pri „Eros kaj Psiĥe" de Apuleus. Depost la epoko renesanca preskaŭ ĉiuj literaturoj humanismemaj de Eŭropo sentigas la

ĉarmon de la Platona heroino Animo-Psiĥe kaj tiun de Eros-Amor, simbolanta la aspirojn al idealo, plej antikva kaj potenca el dioj kosmaj. Plej multe da tiutemaj verkoj, de Boccaccio ĝis Leopardi, aperis en la literaturo itala. Poste sekvas hispana, franca, germana, holanda kaj angla literaturoj. Kaj la pola absolute ne postrestas en tiu ideala konkurado. Sub diversaj titoloj aperis vico da verkoj, skizantaj en ĉiam novaj formoj la eterne daŭrantan fabelon. Inter ili gigante elstaras la en 1904 s. t. „Eros kaj Psiĥe" aperanta dramo de Jerzy Zulawski, konata jam de la esperantistaro per la tradukoj de liaj „Pax" kaj „Fabelo pri homo feliĉa". Per la nova verko de la genia poeto, mortinta en hospitalo dum 1919 pro dummilita infektiĝo epidemia, la pola literaturo pliriĉiĝis per grava ĉefverko, inde enviciĝanta samtempe al la literaturo Eŭropa. Disvendo en mallonga tempo de kelkdekmil da ekzempleroj, entuziasma akcepto al la dramo sur ĉiuj scenejoj polaj, tradukoj kelklingvaj, ekuzo de la teksto por, siatempe en Berlin sukcese ludata, samtitola opero de L. Rozycki, — jen, ĉeno da triumfaj sukcesoj de tiu ĉi belforma poemo drama. Klara kaj profunda estas la motivo de la fama verko: Potenca esprimo kaj simbola prezento de la konflikto inter idealo kaj realo, eterna batalo de la homa animo por la naturaj rajtoj kaj vivdeziroj, batalo, *„par excellence"* ĉiama kaj ĉiea, por la ĝusta rajto al amo, reenkarniĝo de l' faro kaj realigo de la homa eterna deziro je amo. Estante ilustro de la internaj konvinkoj kaj nobla vivfilozofio de talenta poeto kaj funda pensulo, „Eros kaj Psiĥe" samtempe prezentas dramizitan historion de la evoluo, suprenflugoj kaj faloj de la homa animo simbole paŝanta sur dorna vojo tra diversaj epokoj de la estinto, nuntempo kaj malproksima estonto, en doloroj kaj sufero, meze de triumfanta, idealon moke ridiganta malbono, tra abisma maro de sentaŭgo kaj kruelo, — daŭre malhelpata, sed senĉese, persiste, senhalte pasanta, fluganta, jes fluganta alten, pli alten, al celo difinita, al la sunradia, sopirita regiono de l' elektitoj, al la rava lando de estetika triunuo: Amo, Vero kaj Belo. La dramo, arte fandinte simbolon kun naturalismo, memoriganta laŭ koncepto ekstera la faman poemon draman, ĉefverkon de la literaturo hungara, de la genia Emeriko Madách s. t. „Tragedio de l' homo", — en lingvo, laŭ formo kaj stilo, belega, gracia, senmakule pura, kantita el la fundo de poeziplena amimo, — al vidanto postlasas impreson plej grandan. Dum ĉe Madách okazas batalo inter Lucifero kaj Adamo, ĉe Zulawski prezentiĝas la tragedio homara inter Blaks (el greka lingvo: malsaĝa, maldiligenta), simbolo de malprudenta materia parto de homa naturo, kaj Psiĥe, simbolanta la prudentan parton de l' animo, la flugon al ideo kaj idealo. Blaks estas la absoluta kontraŭulo, la senĉesa malhelpilo de la Psiĥe'aj aspiroj al Eros. En sepakta longa agado ili sin poluse kontraŭstaras. Dum en la akto unua, aganta „en lando feliĉa kiam dioj migradis sur tero", Psiĥe estas arkadia reĝa filino kaj Blaks — ŝia servisto, en la dua akto, epoko de „krepusko de dioj", ŝi aperas kiel migranta kantistino, li — kiel roma prefekto en Aleksandrio. Ĉenita en la tria akto al kristana, monaĥeja ĉelo mezepoka, Psiĥe, dezirante ĉi tie trovi la novan Eroson, vidas sian kontraŭulon Blaks kiel abaton. La Psiĥe'a animbatalo, improvizita ĉi tie en viva kontrasto, enhavas akran kritikon pri la ĝishodiaŭe ekzistanta monaĥeja vivo, celanta dogme subpremi, kateni la liberan animan flugon al idealo, — kaj montras, kiel la unua simpla kaj alta instruo de Kristo transiĝis en formalisman asketismon.

Ankoraŭ dum la epoko de l' renesanco, dum la franca revolucio kaj en la hodiaŭa tempo „en unu el la ĉefurboj Eŭropaj, ĉiam en la nuna tempo", kie la moderna „von" Blaks, aperas kiel kortega konsilanto kaj bankiero kaj Psiĥe kiel — lia mone aĉetita amatino, — renkontiĝas la du kontraŭuloj. En la lasta akto „ludonta en tempo estonta, ie ajn", Blaks, reĝo de la jam tute materialigita kaj mekanigita tutmondo, — kie memkonscia animo al li estas plej danĝera, — vivtenas Psiĥe en karcero, la revoluciulinon, reĝan filinon. Kaj lastan fojon ambaŭ staras kontraŭ si, okul-al-okule, kaj je unu ŝia movo, li, la potenca, teren falas neniigite, liberigante la katenitan spiriton el la ĉenoj de la materio, permesante fine al Psiĥe apoteoze kuniĝi kun la sopirata Eros, dio de l' amo, samtempe sciiĝante, ke li estas identa kun Thanatos, dio de l' morto.

„Eros kaj Psiĥe", plej potenca kaj universalkaraktera el la sepo de plume kreitaj poemdramoj de Zulawski estas nun ankaŭ tradukata de pola samideano en Esperanton kaj esperehle ĝi baldaŭ presaperos je la ĝuo de la tutmonda esperantistaro. *Fr. Prengel. (Bydgoszcz.)*

## HOMERO: ODYSSEIA XII.: ODYSSEUS KAJ LA SIRENOJ

En la marta numero de „Literatura Mondo" mi legis kun granda plezuro majstran reverkaĵon pri Odysseus kaj la Sirenoj de sr-o Miĥaelo Babits, — prozaĵon laŭ plej moderna stilo. Tio ekvekis en mi la penson tralegi la originalon por vidi, kia estas la diferenco inter la du pritraktoj de l' sama temo. Kaj certe ili estas sufiĉe malsamaj.

Tiam ankaŭ venis la penso traduki la versojn de l' Odysseia pri la Sirenoj, por ke la Esperantistaro povu ilin legi en nia lingvo kaj kompari kun la verkaĵo de s-ro Babits. La unua sekcio estas tradukita el la parolado de Kirke, en kiu ŝi montras al Odysseus la vojaĝokazontaĵojn; la dua el la rakonto de Odysseus mem al la Fajakoj.

„Ĉio ĉi tio fariĝis jam tiel: sed volu aŭskulti
Kion mi diros, kaj vin memorigu la di' mem pri tio:
Al la Sirenoj unue vi venos, kiuj ensorĉas
Ĉiujn homojn, ja ĉiun, kiu al ili alvenas.
Kiu sensperte aliras kaj aŭdas la kanton Sirenan,
Al tiu venas nenia memoro plu, nek la deziro
Hejmenreiri kaj vidi edzinon kaj dolĉajn infanojn.
Sed la sirenoj tiun ensorĉas per klara la kanto,
Side en la herbej', kaj ilin tie ĉirkaŭas
Granda amaso da ostoj de viroj mortintaj, kaj velkas
Ĉirkaŭ l' ostoj la haŭt'. Sed preterpasi vi devas,
Kaj mieldolĉan vakson knedinte, forŝtopi l' orelojn
Al la kunuloj, por ke neniu ĝin povu aŭskulti
El la aliaj: sed mem aŭskultu, se al vi plaĉas.
Kaj en la ŝipo piede kaj mane vin ili kunligu
Rektan ĉe la mastujo, kaj ligu al ĝi la ŝnurfinojn
Por ke vi povu aŭskulti plezure la voĉon Sirenan.
Sed, se petegas vi kaj vi ordonas al viaj kunuloj
Vin liberigi, per pluaj ŝnuroj ili vin ligu." vv. 37—51

Diris mi, kaj mi klarigis ĉion al miaj kunuloj.
Tiam rapide alvenis la ŝipo bonefarita
Al la insul' de l' Sirenoj, ĉar pelis ĝin vento facila.
Tuj ekĉesis la vent' post tio kaj iĝis senventa
Trankvilec', kaj la dio la ondojn ekkvietigis . . .
Miaj kunuloj starante rulfaldis la velojn de l' ŝipo
Kaj en la kavon ilin metinte, ĉe la remiloj
Sidis, kaj akvon blankigis per poluritaj la pinoj.
Sed mi mem nun bulegon da vaks' per akra la bronzo
Dispecigante dispremis per miaj manoj fortikaj:
Baldaŭ disfluis la vaks', ĉar granda forto ĝin igis
Kaj la radi' de l' Suno, la filo de l' Reĝ' Hyperion.
Orde mi ŝmiris orelojn al ĉiuj miaj kunuloj.
Kaj en la ŝipo piede kaj mane min ili kunligis,
Rektan ĉe la mastujo, kaj ligis al ĝi la ŝnurfinojn
Kaj ili batis la grizan marakvon per la remiloj,
Tie sidantaj, sed kiam ni estis en tia proksimo
Trans kia oni aŭdiĝus per krio, rapide naĝantaj,
Tiam la ŝip' marrapida ne maltrafis jam la Sirenojn.
Proksimirante, kaj ili agordis klaran la kanton:
„Iru ĉi tien grandfama Odysseus, gloreg' de l' Aĥajoj;
Ŝipon vian haltigu, por aŭdi la voĉon de ni du:
Ĉar ja neniu ĉi tie en nigra ŝip' preterkuris,
Antaŭ ol el niaj buŝoj li aŭdis la voĉon mielan,
Kaj ensorĉite, kaj iom sciante plu li foriris.
Ĉar ni scias ĉion, kion en vasta Trojlando
Trojoj kaj Argejoj suferis pro l' volo de l' dioj!
Ĉion ni scias, kio okazas sur ter' ĉionutra."
Tiel ili eligis la voĉon ĉarmegan kaj volis

Mia kor' aŭskulti, kaj brovojn fleksante, mi petis
Ilin min liberigi: sed ili konstante remadis.
Tuj ekstaris post tio Eŭryloĥos kaj Perimedes
Kaj min ligis per pliaj ŝnuroj kaj premis pli zorge.
Sed kiam ni la Sirenojn jam preterpasis kaj ne plu
Aŭdis la kanton Sirenan, nek voĉon, el la oreloj
Miaj fidelaj kunuloj tuj tiam forprenis la vakson
Kiun mi ŝmiris al ili kaj min liberigis de l' ŝnuroj.

vv. 165—191

El la greka originalo: *C. J. Hunt (Oxford)*

## LETERO EL ANTIPODOJ
### PROGRESOJ EN AŬSTRALIO

Literaturo kaj arto en Aŭstralio nuntempe transiras al novaj kaj pli altaj vojoj. Ili trapasis iom stultigan epokon, kiam la redaktoroj devigis niajn verkistojn liveri „naciistajn" verkaĵojn. La tiel nomata „loka koloro" estis deviga, kaj estis mirinde, ke inter la severaj limrandoj altruditaj, niaj verkistoj povis atingi altan nivelon. Estas certe, ke kelkaj el la romancetoj kaj poemoj de *Henry Lawson* eterne vivos, kvankam ili temas nur pri malkleruloj, diboĉuloj, ĉevalistoj, bovkondukistoj k. t. p. La genio de *Lawson* povis leviĝi alte super nura loka koloro kaj uzante la materialojn ĉe-manajn, li traktis la vivon kiel aferon de emocio, pasio kaj kelkfoje de vera belo. „Helpemo al via fratulo", estis lia instruo.

La poeto *Henry Kendall* estis nia unua lirika poeto, sed ĉiam ŝajnas al mi, ke li apartenas al la lando de sia naskiĝo — Anglujo, ĉar liaj verkaĵoj tre similas al tiuj de aliaj anglaj verkistoj. Samtempe nia bela sunluma klimato sendube multe influis lin kaj lia niĉo, kiel nia unua poeto samtempe, estas netuŝebla.

Sed aliaj cerboj venis. Inter ili *Hugh McCrae*, kies patro mem estis poeto. Saturita de klera scio de ĉiu Eŭropa literaturo *Hugh McCrae* portis al Aŭstralio gajan fantazion. Li firme konas kaj scias la vivon kaj sekve povas transdoni spiritan rebrilon en tiu interna loko de la animo. Inter niaj arbaroj li retrovis la diojn, kiuj amindumetis kun nimfoj. La brilega sunlumo ne estis tro forta, por ke satiroj kaj faŭnoj ekaperu kaj malaperu inter la dancantaj ombroj de la foliaro, kiel li pruvis en sia *„Satyrs and Sunlight"* („Satiroj kaj Sunlumo). Ĉi tiuj alvokoj al belo kaj pasio estis ankoraŭ malmulte aŭditaj, — eĉ malmulte aŭskultitaj de la popolo. Sed aliaj verkistoj kuraĝis sekvi *McCrae*, kiel ekzemple *Frank Morton*, redaktoro de la konata Aŭstralia literatura gazeto *"The Triad"*, ĝis lia morto antaŭ kelkaj monatoj.

Venis la militego, en kies kadronegon de sango altiriĝis preskaŭ ĉiuj junuloj de Aŭstralio. Feliĉe la sekvanta superakvego de „lok-kolora" literaturo laŭdanta kiel gloran la teruran emon de l' Homo al detruo, ne tute estingis la tradicieton de *Hugh McCrae* kaj denove leviĝis renesanco el la abismo de teruro. Inter la nuntempaj junaj literaturistoj, kiuj sin turnas al la novaj vojoj, estu nomataj: *Kenneth Slessor, Jack Lindsay* (filo de *Norman*, nia genia artisto), *Jean Andrade, R. D. FitzGerald* kaj *Dorothy Mackellar.* Kolektiĝas aliaj aspirantoj anigi al la areto de verkistoj, kiuj prenas la torĉon por daŭrigi la vojon de malnova kulturo.

*L. E. T. (Sydney)*

## EKRIGARDO AL LA LITERATURO, SCIENCO KAJ ARTO DE LA ANTIKVA RAGUSA (DUBROVNIK).

La XVI-an kaj XVII-an centjarojn karakterizas en ĉi tiu ŝtateto la plej alta grado de l' anima evoluo. La ŝtateto konservis ĝis la jaro 1808. sian plenan liberecon kaj respublikan ŝtatkonstitucion. Dum la arhitekturo en ĝi elkristaliĝis laŭ la plej puraj tradicioj de l' romanismo, la literaturo elreliefiĝis tute per la spirito renesanca kiel en Venecio neniam. Tiurigarde *Ragusa* estas la anima antaŭurbo de Firenze. Je la fino de la XV-a centjaro komencis en Ragusa flori la humanismo kaj la lingvo latina estis flegata kun plej granda intenso. Famaj humanistoj estis la kancelieroj del' Respubliko: *Giovanni di Ravenna, Filippo de Diversis, Bartolomeo Sfondrato* kaj aliaj. Sur tiu humanisma tereno kaj kun tiu kulturo, la evidentiĝinta intelekta laboro levis *Ragusa'n* sur la plej altan nivelon inter la kulturaj civitoj de Eŭropo. La poezio ne estis tiam originala, nek altgrada, sed kun *Gundulić, Gjorotić, Ranjina* kaj *Palmotić*, aperis ĝia *„ora epoko"*. La prozo kaj poezio latinaj estis la plej gloraj. Nenion pli perfektan oni vidis de post Juvenalo kaj Horacio.

La riĉan literaturbibliotekon Ragusan ornamas multnombraj valoraj volumoj, klasike mitologiaj tragikomedioj kaj paŝtistaj ludoj, kiel de *Gundulić* la plej perfekta „Dubravka", alegoria ludo, grandioza himno je gloro de la Ragusa libereco. Paralele kun la evoluado de *Plaut-*a komediarto, sub influo de la roma komediverkisto *Plauto*, aperis en Ragusa Drziĉ kun sep samtipaj prozkomedioj, — samtempe al *Molière* en Francujo. Pli frue, el la kortego de Medici en Firenze, atingis Ragusa'n, kun la XV-a centjara itala trubadura liriko, la *„maskerado"* (canto carnascialesco). La „triomfe" fantomoj de l' malnovklasika mitologio, fantomoj imitantaj romajn imperatorojn, kiuj al avide krianta popolo: „Panem et circenses", prezentis cirkajn ludojn — aperis ankaŭ en Ragusa, eĉ, tie aperis la plej bela tia maskerado: „Jestupka" (ciganino) de *Ĉubranović.* Sed la plej monumentala verko „Osman", heroeromantika epopeo en dudek kantoj, priskribanta la triumfon de l' kristanismo super Islamo, estas trezoro inter la plej famaj poemverkoj de l' Eŭropa poezio tiutempa, konkuranta kun la „Liberigita Jeruzalemo" de Tasso. Precipe emociiĝe la poeto tralumigas la sorton de nia popolo en la kanto XIII-a, belega epizodo pri maljunulo blinda Ljubdrag kaj lia akompanantino Sunĉanica.

Aliaj grandaj verkoj troviĝas en la monaĥeja biblioteko de l' franciskanoj sub diktavola polvo.

*

Estas ja malfacile kredi al tiu, ke en tiu malgranda urbeto povis estiĝi tiaj mirakloj. Kaj dum unuflanke *Nikola Gozze*, kies piedoj neniam tuŝis alian teron ol ragusan, humile el lia loksidejo sur la Trsteno eldonadis la grandiozan verkon: *„Dello Stato delle Repubbliche"*, dediĉita al papo Gregorio XVI., dum la ministro de l' Napoli'a reĝo, Ferdinando I., montris per sia verko novajn eblaĵojn al komerco kaj *Stefano Gradi*, prefekto de l' vatikana biblioteko, instruis la Respublikon, modifi al moderna tempo ĝian konstitucion, per verko: *„Instituta Republica administranda"*, Ragusa dum plenaj du centjaroj estis centro de plej kuraĝaj kaj plej profundaj spekulacioj sur la kampo de matematiko kaj fiziko (Marino Ghetaldi 1566—1627), medicino (Baljivi 1668—1707) kaj astronomio (Rugje Bošković 1711—1787).

Notinda estas ankaŭ la mirinda progreso en la historioscienco, kies reprezentantoj *Ranjina, Resti, Gundulić, Cerva* estis singardemaj kaj lakonaj analizistoj.

Tio estis la logiko de l' regado, adoptata al la triumfo de l' ekzaktaj sciencoj.

*

Ragusa dotis la mondon per neniu arĥitekto, neniu pentroartisto dum sia sendependeco, sed des pli ĝi estas riĉega je artaĵoj de l' plej famaj arĥitektoj kaj pentroartistoj de l' mondo, dum nunatempe, skulptisto *Meštrović* (Maŭzoleo en Epidaŭrus) kaj pentroartisto *V. Bukovac* (scenejkurteno de l' nacia teatro en Zagreb, prezentanta: „La sonĝo-n de Gundulić") estas mondkonataj famuloj. Sed la plej monumentala arĥitekta verko estas la princa kortego. *Eduard Freeman*, unu el la plej famaj historiistoj de nia epoko komparas la doĝan palacon (Palazzo Ducale) en Venecio kun la ragusa Palazzo Rettorale. Laŭ la opinio de historiistoj de Firence kaj Sicilia, tiu en Venecio estas plitaksinda nur pro la pligrandeco kaj plivasteco. En la princa kortego estas reprezentata eĉ la venecia akademio *delle Belle Arti* per eminenta pentraĵo *„Venus kaj Adonis"* de veneciano *Pariz Bordona.* Tiu miksaĵo de romana stilo kaj italia gotiko estis rekonstruita en jaro 1335. de fama Napoli-a arĥitekto *Onorfio de La Cava.* Ĝi kuŝas sur ses kolonoj kun mirindaj kapiteloj el kiuj estas plej perfekta tiu nomata *„Aesculapus"*. Ol la granda portalo, kreaĵo de *La Cava,* nenio estas pli mirinda kaj pli kuraĝa

en ornamentiko. Riĉa arĥivejo, super kies pordo oni legas sekvantan epigrafon: *„Obliti privatorum publica curate"*, (Forgesu privatajn aferojn kaj zorgu publikajn.). Antikva muzeo abundas je kolektoj de diversaj ŝtatstampiloj, oficialaj princkostumoj, skulptaĵaj, arĥitektonaj fragmentoj, ritoj, moneroj k. t. p.

Glora arĥitektaĵo de la XVI-a centjaro estas la palaco de princo Mirin Gjordić, kies plafono estas ornamita per peniko de *Tizian* mem.

Arĥitektaj rimarkindaĵoj estas ankoraŭ la doganejo, ĝiaj *„loggie"* similigas ĝin al la Diana templo en Efezo. La nomita angla historiisto *Freeman* donas al ĝi precipan valoron pro la jaro, en kiu ĝi estas konstruita (1520).

La katedralon, starigitan en 1190. de *Rikardo de Leona Koro,* ornamas pentroartaĵoj de famaj italaj majstroj: *„Oni vipas Kriston"* de *Andrea del Sarto*, *„Ecce Homo"* de *Pordenone,* unu el la plej graciaj Kristaj kapoj en la antikva pentroarto, *„Dipatrino kun geinfanetoj kaj Sanktuloj"* de *Parmigianini, „Sankta Katarino"* de *Palme il Vecchio, „Madono kun infaneto"* de *Bernardini Luini* ktp. Multaj de Dürer-skolo estas videblaj en la domenikana preĝejo (Rozario), inter ili aŭtentika pentraĵo de Tizian: *„Sankta Maria Magdalena."*

*

La urbeto Ragusa kuŝanta sur deklivo de l' monteto *Srd* (postenfortikaĵo „Imperial" de Napoleono Bonaparte), tiu antikva urbeto dotita per ĉarma klimato kaj die bela naturo, apenaŭ estas plastike prezentebla en skizaj konturoj kaj despli, ke pri ĝi parolas dikaj libroj de *Müller, Gibbon, Engel* k. t. p.

Nuntempe ĝi estas ĉagrena rememoro el pasinteco.

Ĉu tion ne montras la ĉiutaga monotona plorado de l' maro ĉe l' ragusaj rifoj!

*M. Monić*

## ROMANO KUN — 800 PERSONOJ

Jen — rekordo en la eŭropa romanliteraturo. La rekordon faris japana verkistino, kies romanon nun tradukas angle *Artur Waley,* eminenta oficisto de la Brita Muzeo. La agadon de la romano disvolvas 800 personoj. Kiel la tradukanto diras, li faros por la legantoj suplementon por gvidi ilin tra la labirinto de ĉi tiu unika verko.

Mem la traduko daŭros almenaŭ ses jarojn, ĉar la romano konsistas el pli ol sescent mil vortoj, kaj ampleksos ses dikajn volumojn.

La verkintino de tiu ĉi stranga romano, *Mulasaki,* vivis en la japana kortego antaŭ naŭ centjaroj, tie ŝi laŭtlegis sian verkon skribitan sur pergamenrulaĵoj, antaŭantan la seriajn romanojn modernajn. Ĉar ŝi ne nur la vivhistorion de unu generacio priskribas en ĝi, sed ankaŭ la historion de la gefiloj kaj de pluaj sekvantaj generacioj.

La heroo estas la eksterleĝa filo de la imperiestro, kiu volas al si edzinigi sian amatinon, kaj pro sia malfeliĉa amo implikiĝas en diversajn aventurojn. Sed krom li estas tie ankoraŭ multaj aliaj herooj kaj heroinoj, laŭnombre: sepcent-naŭdek-naŭ.

*p. h.*

## GUSTAV SUITS

Gustav *Suits* estas fama kaj ŝatata estona poeto. Liaj meritoj estas grandegaj: prave oni povas lin nomi fondinto de nova estona poezio. — „Junaj forĝistoj" kaj „Printempo" estas tradukitaj el la kolekto *„Elu tuli"* („Vivofajro"). „Aŭtuna kanto" kaj „Nebulozo" el „Tuulemaa" („Ventolando"). „La pala luno" aperis en lia lasta poemaro „Köik on kokku unenägu" („Ĉio kune estas sonĝo").

## GRIGORIJ PETROV:
## PESIMISMO FILOZOFA

La provon: doni filozofion de pesimismo, kaj — oni devas konfesi — genian provon, faris Schopenhauer. Schopenhauer estas profunda pensulo, homo de potenca kaj klara prudento, fera logiko, kaj — kio estas maloftaĵo ĉe filozofo — li skribas klare kaj koncize. Kun sia verko: „Die Welt als Wille und Vorstellung" Schopenhauer profundigas, evoluigas kaj volas filozofe konstrui tiun aspekton de la esenco de l' mondo, kiun Gautama Budha formulis neklare kaj nedifinite. Tiu ĉi instruo estas panteismo. La esencon de tiu ĉi instruo oni povas mallonge, bilde, sed plene esprimi per la vortoj de la antaŭulo de Schopenhauer, de itala filozofo Leopardi. Kaj Leopardi estis pesimisto. Sed li estis forta pensulo kaj ankaŭ prudenta poeto. Li publikis sian filozofan imagon pri l' mondo en mallongaj poemoj, fabeloj kaj rakontoj. La plej profunda el liaj poemoj estas: „Saĝulo kaj la naturo."

Droninte en profundaj pensoj pri la esenco de l' mondo foriris la saĝulo en dezerton. Tie ĉi renkontis lin la Naturo en figuro virina. Kiam la saĝulo komprenis, kiun li renkontis, akre li ekdemandis la Naturon:

— Kion vi faras al ni? Kial vi aljuĝis al ni la suferojn?

— Sed al kiu do suferojn? — demandis la Naturo trankvile la saĝulon, — kaj kiel mi ilin al vi aljuĝis?

— Ĉu vi ankoraŭ demandas: Kiel? Vi sendas nin en la vivon, devigas nin vivi, kaj ne donas al ni ĝojon kaj feliĉon. Vi lasas nin suferi.

— Oni nomas vin saĝulo, kaj vi parolas malsaĝaĵojn — respondis la Naturo. — Kiom koncernas min, ĉu vi, homoj estas feliĉaj, aŭ suferas? Mi estas — la Naturo. Mi naskas. Al mi estas bezone montri miajn fortojn. La suno lumas, rivero fluas, maro bruas, rozo floras. Al kiu? por kio? por kiu? — ĉu por vi homoj? — Neniel. Tio devas tiel esti; tio estas ilia naturo, ilia vivo. Tial estas ankaŭ al mi bezone fari, ĉar mi estas la plejgravo de ĉio — la Naturo! Mi kreas kaj detruas. Mi detruas kaj rekreas. Kio el tio kaj dum tio estos, kies feliĉo aŭ malfeliĉo — pri tio mi ne atentas kaj ne zorgas. Mi estas naturforto. Nebulo ruliĝas tra valo, vaporo bruas kaj kriegas en kaldrono, fajro flamas en forno, erupciaĵo bolas en vulkano. Ĉio ĉi estas — mi. Ĉio ĉi estas fenomeno, esprimo de l' vivo. — Sed sencon, valoron, pravigon al la vivo ne serĉu. Tio ne ekzistas kaj ne povas ekzisti.

Schopenhauer kun sia filozofio ankoraŭ pli profunde iras al tiuj pensoj de la Leopardia Naturo: li kondukas ilin en ordigitan kaj fermitan sistemon. Kaj se vi alproprigas la fundamentan penson de la genia frankfurtano, vi ne eltiros vin el la feraj ligiloj de lia logiko. Kiel vagonaro, se oni lasas ĝin sur la fervojo, devas iri tien, kien ĝi estas direktita kaj ĝi ne havas povon iri flanken aŭ laŭvole reveni, tiamaniere ankaŭ la filozofio de Schopenhauer devigas vin ke, nenien flankirante, vi alpropriĝu ĉiujn ĝiajn konkludojn, se vi nur antaŭe alproprigis ĝian fundamentan penson, — la penson, ke la bazo de la mondo estas blinda naturforto kiun movas sole la volo je estiĝo: eterna devigo, por sciiĝi, montriĝi.

Tial oni ne bezonas, kaj estus ankaŭ neprudente pridiskuti la pesimismon de Schopenhauer en ĝiaj apartaj faktoj kaj konkludoj. Se oni pridiskutas la pesimismon de Schopenhauer oni bezonas tion fari tuj komence. Kun li oni bezonas konsenti aŭ disiĝi jam „en la stacidomo de kiu la vagonaro foriras". *Fundamentan* lian penson: ke forto, kiu kreas kaj kiu estas la mondo, estas blinda naturforto sen prudento kaj sen ties scio kion ĝi volas, estas bezone alproprigi aŭ forĵeti. Kaj la prudentaj kaj singardaj kontraŭuloj de tiu ĉi tria, filozofa pesimismo laboras ja tiel.

La konata germana scienculo Wilhelm Ostwald, unu el la gvidantoj inter naturistoj, diras en sia bela libro „La grandaj homoj":

— La juĝo de Schopenhauer pri la valoro de l' monda vivo, pri la plejgraveco de l' estaĵo valoras nenion. Ĝi estas simple elpensaĵo, fantazio. Ke la fortoj de la naturo, kiuj estas la substanco de la vivo, estas blindaj naturfortoj sen senco: ĉi tion instrui povas nur tiaj filozofoj, kiuj estas kiel Schopenhauer. La aŭtoro de la libro: „La mondo kiel volo . . ." parolas pri la mondo, kaj ne havas rajton paroli pri ĝi, *ĉar li ne konas ĝin.* Schopenhauer estas granda pensulo. Sed la penso estas nur kapablo por juĝado. La penso prilaboras pretan materialon. Sed, kian materialon por la juĝado pri la mondo havis la filozofa penso de Schopenhauer? — Schopenhauer estis tre klera homo, sed lia klereco estis unuflanka, kaj ĝuste por la juĝado pri la mondo kaj pri

ĝia plejgraveco — nekapabla. Tiu granda genia filozofo konis literaturon, filologion, filozofion, historion.

Li posedis belan filologian, humanistan, kaj diritan per nebula filozofa lingvo, nominalistan klerecon. Sed li ne estis egale konanta ankaŭ la sciencojn naturajn: astronomion, ĥemion, fizikon, anatomion, biologion, histologion, fiziologion k. t. p. Li ne konis la triumfan saĝecon de la naturaj reguloj. Sian doktrinon pri la sensencaĵo de ĉio Schopenhauer ne konstruis sur la fundamento de la studado de la naturo, sed sur siaj supozoj.

— Se Schopenhauer estus laborinta per mikroskopo kaj teleskopo — diras Ostwald — neniam li estus dirinta, ke la universo estas esprimo de malgracia, blinda naturforto.

Ĉar ĉiu esprimo, ĉiu fenomeno de la universa vivo estas tro plena de saĝeco, senco, ĉarmo, harmonio.

*Kaj vere,* prenu nur la astronomion: *Kian* ĉarmegan *simfonion* de la harmonia moviĝo de l' ĉielaj lumigiloj ĝi donas!

La granda Kant volonte parolis:

— Du aperoj en la mondo plenigas mian animon per nedirebla ravo: la stela firmamento super mi kaj la morala leĝo, bezono de harmonio anima en mi.

Unu el la plej grandaj genioj de la antikva mondo, Pythagoras, kiu estis matematikisto, filozofo, astronomo, poeto kaj leĝdonanto, kiam li ekkonis la kosmajn leĝojn, estis tiel ravita de ilia prudenteco, ke al la mondo li donis nomon: *Kosmo,* kiu signifas: Ĉarmego.

Du mil jarojn post Pythagoras, nomis Humboldt, granda germana naturisto, sian verkon pri la mondo: „*Kosmo*".

Kaj tiel neniu el ĉiuj grandaj naturistoj, konantoj de la mondo, nek Newton, nek Kopernik, nek Galilei, Giordano Bruno, Kant, Goethe, Darwin, Liebig, nek Pasteur, nek lia lernanto Mečnikov, nek Helmholtz, Dawy, Faraday, Edison, centoj da ĥemiistoj, fizikistoj, astronomoj, biologoj, ribeladis kontraŭ la sensenceco de la mondo, sed sincere kaj ravite *kantis* himnojn al la saĝeco de tiu forto, kiu kreis ĉi tiun mondon.

Faŭsto, de Goethe, tiel parolas al Margareto: — Kiel oni povus diri, ke la universo, ke la tuta vivo de la mondo estas ŝajne nur granda hazardo, malsaĝa ludo de mallumaj, kaj ankoraŭ pli, eĉ de malbonaj naturfortoj? — La genia komponisto Beethoven faris belegan verkon: „Heroa simfonio". La tutmonda vivo estis, kaj estas granda heroa simfonio. Grandioza poemo, kian ne skribis, kaj ankaŭ ne povos skribi Dante, nek Milton, nek iu alia homo.

Kompreni tiun poemon de la monda estaĵo signifas senti Diaĵon — diras Faŭsto.

Se do Schopenhauer, kaj post li ankaŭ ĉiuj pli malgrandaj pesimistoj observante la mondon sentas maldolĉecon, malestimon kaj malŝaton kontraŭ la vivo, kaj ne dolĉecon, tio nur signifas ke ili ne komprenis, aŭ ne volis precize tralegi kaj percepti la grandan poemon de l' mondo.

El la jugoslava: *Fran Janjič.*

---

# BIBLIOGRAFIO

## EUGEN WÜSTER: DIE VERHÄLTNISWÖRTER DES ESPERANTO

Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel
G. M. B. H. Berlin und Dresden.

La aŭtoro, kies granda fakscio pri la teoriaj demandoj de la strukturo de Esperanto estas famekonata, donas en ĉi tiu libro, bedaŭrinde en germana lingvo, tre detalan klarigon pri la uzo de la Esperantaj prepozicioj. Ankaŭ en ĉi tiu, kiel en ĉiu alia sia verko, li laŭdinde unuigas en si la sekcantan teoriulon, kiu en tre bone evidentigaj skemoj vidas la stukturan skeleton de la pritrakta objekto, kaj la praktikulon, kiun ne katenas liaj propraj skemoj, sed kiu, lojale respektante la vivantan lingvouzon, ne perdas el sia vido, ke la objekto de lia esplorado estas vivanta organismo. Ĝi povas havi mankojn kaj difektojn, sed ĉi tiuj apartenas al ĝia karaktero, kaj kelkfoje eĉ formas ĝian apartan belecon. Eltranĉi ilin per operacia tranĉilo estas tre simpla, sed tre maldelikata, brutala, eble eĉ mortiga afero.

Kaj li aplikas la samajn rimedojn en sia Esperantologio, kiel la lingvistoj en la esplorado de la naciaj lingvoj. Li esploras, sed li ne volas trudi siajn skemojn al la lingvo. Se kelkfoje la tre granda beleco de la frapante perfektaj skemoj delogas lin por momento, li tuj korektas: „Tamen, ne estas rekomendinde deflankiĝi, laŭ propra iniciato, de la lingvouzo de l' modelaj aŭtoroj.

Ne estas mia tasko detale pritrakti la libron, kiu certe meritas vastan studon. Kontraŭdirojn mi apenaŭ havas. Mi ĝoje legis la pravigon de „senforta", pri kiu li klare montras, ke ĝi nenion povas signifi krom „senforta". Se ni nur ne legus plu anstataŭ ĝi la ridinde senfortan vorton „neforta".

Interesaj estas liaj analizoj pri „ĉirkaŭmano", „porvivo" „preterdevo". „ventantaŭe", kiuj ja preskaŭ pereis el la lingvo. „Subtegmento" kaj „antaŭurbo" verŝajne vivos tamen plu, same „transviola". Cetere ankaŭ en la hungara lingvo oni diras *ibolyántúli sugarak,* t. e. radioj trans la *violo.*

Sed mi devas fini. La libro estas ekzakta. detala, elĉerpas sian temon tute; klare kaj tre instrue montras al ni la regulecon kaj la iometan malregulecon de la Esperantaj prepozicioj.

Sed mi devas diri, ke mi ne volonte rezignus pri ĉi tiu malreguleco, en ĝi mi sentas la multkolorecon kaj la aromon de l' vivo.

## JAUME GRAU CASAS: AMAJ POEMOJ

Poemoj de ama plenaero. Hela lumo verŝiĝas abunde, forviŝas la pli akrajn konturojn, ĉio estas glate brila, en la forta lumo dronas la nuancoj. En ĝardeno, apud florbedo sidas la poeto kaj kantas. Floroj sin klinas al li sinofere por ke ili estu ŝirataj por la amatino. Ilia parfumo kaj la bluo de l' ĉielo kaj la flustro de l' foliaroj kaj la trilo de l' birdoj kaj la kareso de l' vento kaj la ruĝo de l' ĉerizo —, ĉio S i n spegulas, S i n anoncas. Kaj kelkfoje nubo pasas antaŭ la suno, facila ombro sterniĝas, la melodio mallaŭtiĝas, jam preskaŭ ekploras melankolie. Sed nur dum momento. La suno ree ekbrilas, ree estas plena la lumo, laŭta la melodio kaj ĝoja, ĝoja! La trobadoro kantas gaje.

Estas kiuj preferus pli da kontrasto de lumo kaj ombro, pli profundan foson al la pli sekretaj profundoj de l' animo. Sed certe ankaŭ ili haltos por tempeto, kaj ekaŭskultos: „Gracie perlanta melodio, de kie?" La trobadoro kantas.

*

Nun mi metu nigrajn okulvitrojn por diri, ke pri la ritmo mi havas iom malsaman opinion ol la aŭtoro. Ne ofte, sed troviĝas lokoj, kie du akcentitaj silaboj estas unu apud la alia: „rigard' hela", „amatin' ĉarma", „al mia sent' taŭgan" ktp. Estas eble, ke en sia evoluo la Esperanta poezio formetos la severajn germanajn ritmoregulojn kaj proksimiĝos al la italaj kaj francaj. Tamen, laŭ mia opinio, ĝi ĉiam devos eviti la sinsekvon de du akcentitaj silaboj.

Kaj ĉi tio nepre ne estos malfacila por nia poeto. Li ja facile movas sin en la plej malfacilaj formoj, kaj lia ritmo estas plejparte vigledanca, preskaŭ petola. Kaj kiel facile li povas kuri en la memfaritaj katenoj, tion bone montras per sia pulsanta marŝo kaj emfaza enhavo lia poemo: „Kanto de l' trobador'".

*Kopar*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró